XIVa jaro. No 219 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
**Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj

*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.40 Frankoj
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . . 0.50 Frankoj

*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## NUNTEMPAĴOJ

## REGISTARO, REVOLUCIO, POPOLO

Post la sanga sufokado de la rusa revolucio kaj la revoluciaj kontraŭfrapoj de 1905, Leó Tolstoj skribis studon pri la temo „Registaro, revoluciistoj, popolo". La nomita studo restis tamen nepublikigita kaj nur nun aperis en la Petrograda gazeto „Pri Kulturo kaj Politiko". Ni aperigas de ĝi ekstrakton, kiu almenaŭ montras la ĉefpensojn de Tolstoj pri tiu temo. Tio, kion li siatempe skribis pri Rusujo, povas tre bone rilati ankaŭ al la nuna tempo kaj al ĉiuj landoj. Ni publikigas ĝin kiel interesan dokumenton pri la ideoj de Tolstoj, kiun oni ofte erare vicigas inter la politikaj revoluciuloj

Miloj da homoj estas mortigitaj, ĉiuj rusoj estas ĉagrenitaj, malesperigitaj, bestigitaj. Kial ĉio ĉi tio? Nur tial, ĉar manpleno da homoj, eble ne pli ol naŭ mil-onoj de la tuta loĝantaro, ĉar kelke da personoj decidis, ke por perfektigita organizo de la rusa imperio estas bezona la Duma; aliaj opinias, ke la plej bona rimedo por tio ĉi estas la ĝenerala, egala elektrajto; triaj volas respublikon, kaj kvaraj eĉ socialistan respublikon. Kaj tial tiuj ĉi homoj detruas, bruligas, juĝas kaj ne haltas eĉ antaŭ la interna milito. Tiele povas agi nur malsuperaj homoj aŭ naivaj junulojlernantoj, studentoj aŭ histeriaj knabinoj, kiuj hodiaŭ forloĝiĝas post populara kantisto aŭ pianisto, morgaŭ post la revoluciisto laŭmoda ... Sed vi, la gvidantoj de la revolucio, kiuj ne plu estas tiel junaj kaj povas pensi, en kies nomo vi faras ĉi tion, kion vi faras? Vi asertas, ke ĉion ĉi tion vi faras por la popolo, ke via celo estas la popola feliĉo. Sed tio ĉi ne estas vero, kaj vi mem scias, ke ne estas vero. Ĉio, kion vi faras, ne estas por la popolo, sed por vi, ĉio ĉi tio estas ŝuldata al viaj personaj instigoj: al via ambicio, al fanfaronemo aŭ al via mallaboremo, trosatigita vivo, kiu serĉas iun novan agkampon, aŭ estas ŝuldata al la inklino por detruo aŭ al la konscio de propra senvaloreco kaj malvirteco kaj la devenanta de tio ĉagreno kontraŭ la homaro.

Vi diras, ke vi volas la plibonigon de la komuna situacio de l' homaro. Sed por ke ilia situacio pliboniĝu, unue la homoj mem devas fariĝi pli bonaj. Tio ĉi estas tiom vera, kiom vera estas, ke antaŭ ol varmiĝi la akvo en vazo, unue devas varmiĝi ĉiu guto de tiu akvo. Kaj por fariĝi pli bonaj, la homoj devas turni la atenton pli al si mem, al sia klero, al sia interna vivo. La ekstera, la societa ago tamen, precipe la batalo, deturnas la atenton de la homoj de la interna vivo kaj plimalgrandigas la gradon de la societa moraleco, jetante la homojn malantaŭen, kiel ni tion vidas nun en minacaj proporcioj en Rusujo. La falo de la nivelo de l' societa moraleco havas la konsekvencon, ke sur la pinton de la societo pli kaj pli supreniras la plej senmoralaj elementoj, kaj enradikiĝas senmoralaj vidpunktoj kaj konvinkoj, kiuj ne nur allasas, sed aprobas la malbonfaron. Kaj tiel formiĝas unu ensorĉita rondo: La sin montrintaj laŭ la forto de la societa batalo plej malbonaj partoj de la societo fervore sin dediĉas al societa ago, respondanta al ilia malalta morala nivelo; tiu ĉi ago siaflanke allogas la ankoraŭ pli malbonajn elementojn. Kaj tiel la moraleco ĉiam pli falas, kaj herooj de la tempo fariĝas la plej grandaj senmoraluloj, Danton'oj, Marat'oj, Napoleon'oj, Taillerand'oj. La partopreno en tiu ĉi societa ago kaj en tiu ĉi batalo ne nur ne estas nobla, utila kaj bona, kiel asertas ili, kiuj sin okupas pri ĝi, sed kontraŭe, ĝi estas tre malsaĝa, malutila kaj senmorala.

Pensu pri tio ĉi, precipe vi, la junuloj, precipe vi, kiuj ankoraŭ ne dronis en la glua malpuraĵo de la politika ago, skuu vin de la terura hipnozo, kiu vin malheligas; liberigu vin de la mensogo, ke vi servis al la popolo, en la nomo de kiu vi kredas, ke ĉio estas al vi permesita. Pensu antaŭ ĉio pri la plej altaj ecoj de via animo, kiuj ne volas de vi la egalan kaj sekretan elektrajton, ne armitajn ribelojn aŭ fondajn kunvenojn kaj similajn malsaĝaĵojn kaj kruelaĵojn, sed volas de vi nur unu aferon: bonan kaj justan vivon.

Pro tiu ĉi bona kaj justa vivo vi ne devas trompi vin mem, vi ne devas pensi, ke vi servas al la popolo, servante al viaj bagatelaj pasioj: al la fanfaronemo, al la ambicio, al la jaluzo, al la junula vigleco aŭ al la plibonigo de via persona situacio. Sed vi devas ekpensi pri vi mem kaj ekpeni korekti viajn erarojn kaj fariĝi pli bonaj. Se tamen vi deziras pensi pri la vivo de la homaro, rememorigu al vi unualoke viajn pekojn rilate al la popolo,

kaj penu, ne ekspluati ĝiajn fortojn, kaj se vi ne povas helpi al ĝi, almenaŭ ne maltrankviligu kaj ne instigu ĝin. Ne faru la teruran krimon mensogi la popolon, ĝin instigi al raboj kaj ribeloj, kiuj ĉiam finiĝas kun suferoj kaj kun pli granda sklavigo de tiu ĉi popolo. La komplika kaj malfacila situacio, en kiu ni nuntempe en Rusujo vivas, nome nun de ni ne postulas artikolojn en la ĵurnaloj, parolajojn en kunvenoj, manifestojn kun revolveroj tra la stratoj, ne postulas malrespektan instigon al la vilaĝanoj, sed severe respektindan konduton al ni mem. Ĝi postulas de vi plibonigi unue nian propran vivon, kiu estas en niaj manoj kaj kiu, plibonigita, venigos ankaŭ la plibonigon de la komuna situacio de la homoj.

*Leo Tolstoj.*

Trad.: *Iv. H. Kr-off.*

 SOCIA VIVO 

## Pri la rajto de la mortintoj kaj pri la rajto de la vivantoj

Antaŭ nelonge aperis en Zuriĥo libro, kiu estas titolita „La rajto de la mortintoj“ [1] kaj havas la pian taskon rememorigi al la homoj la devojn, kiujn ili havas al la falintoj dum tiu ĉi milito. La verkinto proponas la fondon de internacia ligo, kiu devos savi la tombojn de la falintoj, ilin prizorgi, doni informojn pri ilia situacio kaj faciligi la viziton, post packonkludo, de la tomboj en eksterlando por anoj de nuntempe malamikaj ŝtatoj. Kiel suplemento estas aldonitaj al la libro sepdek-naŭ ilustraĵoj laŭ fotografaĵoj, kiuj montras apartajn militistajn tombojn aŭ ĝardenaĵojn de militistaj tombejoj en la teritorioj okupitaj de la germanoj kaj en la militkaptitejoj en Germanujo. Laŭ tiuj ilustraĵoj oni povas konstati, ke ni, malgraŭ la sovaĝiĝo de nia estanteco, faris pri la estimo de la mortintaj malamikoj gravajn progresojn kompare al la pli krudaj antaŭ nelonge pasintaj tempoj. Kiam oni ekvidas tiujn tombejojn transformitajn en prizorgataj parkoj, tiujn ĉi per majstraj verkoj ornamitajn tombojn, tiujn ĉi honorigajn monumentojn, estas bone rememori, ke ne ĉiam estis tiel. Ekzemple kvar jarojn post la rusa-turka milito de 1877 la batalkampo de Plevna estis donita al fabriko por artefarita sterko kaj tuj venditaj 6000 centfuntoj de la ostoj de la tie falintaj soldatoj. Tiu ĉi okazintaĵo puŝis tiam humorgazeton, la „Kladderatsch“, al la sekvantaj melankoliaj versoj:

„La kondukantoj de l' herooj nun
Per altaj odoj estas glorataj,
Al ili en gepatra tero
Monumentoj estas starigataj,

La herooj mem — for sur sterkon!
Ilia resto fariĝos je nenio!
Tiel estis ĉiam, kaj tio estas
La kuro de l' mondhistorio.“

Ĝojige estas vidi, ke almenaŭ en la direkto de la mortintoj sin iom ŝanĝis la kuro de la mondhistorio. Ke sama tago venu ankaŭ por la vivantoj! Jam antaŭ cent kvindek jaroj Voltaire riproĉis sian tempon, ke ĝi respektas pli la mortintojn ol la vivantojn kaj ke estus bone respekti ambaŭ. Ni devas nin gardi de tio, ke tiu ĉi riproĉo estu farata ankaŭ al nia tempo. Jam dum la milito ni rimarkas superpezon de la estimo malfavore al la vivantoj. Malamikoj, kiuj sin reciproke kontraŭbatalas kun la plej teruraj armiloj kaj eĉ lasas liberon al sia malamo kontraŭ la kaptitoj, rapide fariĝas eŭropanoj, veraj kulturhomoj, entombigante falintan malamikon. Ni ja vidas ĉiutage kun kiaj honorigoj estas entombigataj falintaj malamikoj, tie kiel tie ĉi. Vere ekzistas la danĝero ke ni pro la rajto de la mortintoj povus malatenti la rajton de la vivantoj.

La reganta kutimo estimi pli multe la mortintojn ol la vivantojn ŝajnigas superflue fondi apartan organizaĵon por la prizorgo de la ripozejo en eksterlando de falintaj militistoj. Ne estas supozeble, ke iu ajn ŝtato preterlasos zorgemon kaj piecon. Jam la konscio de la reciprokeco, kiu mankis kelkafoje dum la milito, donos certan garantion dum la paco. Sed eĉ se oni ne volas fidi, oni ne bezonas specialajn organizaĵojn por la konservo kaj honorigo de militistaj tomboj, ĉar en la internaciaj eklezioj ni posedas jam la destinitajn korporaciojn por tiu ĉi humana fako. La eklezioj, kiuj ne povis malhelpi la buĉadon, influos almenaŭ tiel, ke la viktimoj de la buĉado estu entombigataj hommaniere kaj la tomboj estu prizorgataj.

Kvankam mi rekonas la humanajn kaŭzojn, kiuj elvokas internacian organizaĵon por la kulto al mortintoj, ŝajnas tamen al mi, ke en tia entrepreno kuŝas por la vivantoj danĝero, kiun oni ne devas malalte taksi. Post tiu terurega mondmilito oni ne plu servos al la homaro per tiaspecaj agoj, kiuj nur mildigas la malfeliĉon per kompato kaj per certa klopodo al bonfarado. La „pacifismo“ de la militkreduloj kaj militinstigantoj limiĝas al la kompato por la viktimoj de la milito. Jes, tiuj ĉi bezonas la kulton de mortintoj; ne por la interkompreno de la malamikiĝintaj animoj, kiel ĝin volonte volus vidi la aŭtoro de la propono ĉi tie citata, sed por la ekflamigo al novaj militoj, al la venĝo por la mortigitoj, resume por la varbo al novaj kruelaĵoj. La kompreno, ke estus pli prudente bandaĝi kaj kuraci la rompitajn ostojn, anstataŭ peni, ke la reciproka rompo de la ostoj estu malhelpata, ke nenio alia restus ol enterigi la viktimojn de la milito kaj fari al ili monumentojn, dum la klopodo konservi al ili la vivon per organizo de certa paco estus utopio, estas unu el la plej danĝeraj ideoj, kiu favoras la kriplulojn kaj la mortintojn, sed pekas kontraŭ la sanuloj kaj la vivantoj. La danĝero estas granda, ke per la speciala substreko de la kulto por la falintoj estos fortigata la kredo disvastigita de la militemuloj, ke per tiaj humanaj klopodoj estos farita kontraŭ la milito, ĉio kio estas en la homa povo. Kaj tiu ĉi danĝero devas esti evitata, ĉar ni bezonas la senĉesan batalon kontraŭ la krimo de la milito kaj ne devas permesi, ke ĝi estu barata per tiaj erarigoj de la opinio.

Ni devas honori la viktimojn de tiu ĉi milito, ni devas ĉion fari por ke ili neniam estu forgesitaj, ni devas favori ilian sorton. Sed tio plej bone okazos per tio, ke ni pledos kun pligrandigita fortodono, kun fervoro ĝis nun ne kredita por la forigo de la milito el la rilatoj de la popoloj. Per tio ni nobligos la aferon, kiun tiuj faris, kaj samtempe ni servos al la postvivantoj kiel al la venontaj generacioj. Ni honoros la mortintojn preparante unue homecan ekzistadon al la kripluloj, al la fizike kaj anime suferantaj homoj, kiujn postlasos tiu ĉi milito. Ni honoros la mortintojn de tiu ĉi milito plibonigante la socialajn bezonojn de la tuta vivanta generacio, plimalgrandigante la mortadon de la infanoj, gardante la junularon kontraŭ moralaj kaj fizikaj danĝeroj, ne donante eblecon de disvastiĝo al popolaj epidemoj kiel al la ftizo, al la sifiliso, al la alkoholismo, senhomigante la frenezulejojn, karcerojn kaj hospitalojn. Sed por plenumi tiujn ĉi taskojn ni devas forigi la militon. Ĉar estas la milito, kiu neebligas ĉiun homan edukadon, ĉiun homan ekonomion,

[1] De Alfred Ney. Eldonejo: Orell-Füssli.

bazoj de homa feliĉo kaj bonstato. Ne nur en sia akuta formo, kiel ni ĝin nun travivas, ĝi estas la malamiko de la vivo kaj de la vivantoj, sed ankaŭ ne pli malaltgrade en sia latenta formo, en la tempo de la ŝajna paco, kiam la fortoj de la ŝtatoj estas konsumataj kaj malŝparataj por la preparoj de la estonta amasa buĉado. La sistemo de la milito servas *nur* al la tomboj. Unue por ilin plenigi, poste por ilin ornami.

Certe estas simpatia tasko certigi rajton al la trompitoj pri la vivo, sed certigi la rajton de vivo al la ankoraŭ vivantaj, al la ankoraŭ ne buĉitaj, al la estontaj militoferuloj, estas la plej sankta tasko, la devo, kiu sin ordoneme altrudas al nia epoko.

*D-ro Alfred H. Fried.*
Trad.: *M. K.*

## Pri Letujo[1]

Unu el la plej interesaj kaj plej multsuferintaj de la militterurajoj, apudbaltaj landoj de la malnova rusa imperio estas nediskuteble Letujo. Ĝia teritorio okupanta la nordokcidentan parton de Rusujo konsistas el Kurlando, la pli granda parto de Livlando kaj de Letgalio aŭ Inflantio t. e. la tri nordaj cerkloj de la provinco de Vitebsk, kaj el parto de la gubernio de Kovno. Ĝia surfaco de 63,318,$_6$ km$^2$ (Kurlando 27,042,$_9$, Livlando 22,570,$_9$, Letgalio 13,704,$_8$ km$^2$) estas notinde pli granda ol Belgujo, Danujo, Svisujo. Ankaŭ rilate la nombron de sia loĝantaro — 2,554,000 — Letujo povas figuri apud Norvegujo, Danujo, Finlando. La letoj formas en la kamparo 94,$_5$ % de la tuta loĝantaro; la resto estas partigita inter germanoj, rusoj, hebreoj, litovoj, poloj, estoj kaj aliaj. Nur en la urboj la proporcio de la germanoj kaj de la germanigitaj letoj iom altiĝas, sed la kamparo estas tute leta. La 80 % de ĉiuj germanoj vivantaj en Letujo (120,212, al kiuj konvenas aldoni 150,000 hebreojn parolantajn germane) troviĝas en Riga, Libau kaj Mitau, dum en la aliaj urboj kaj sur la kamparo loĝas entute 24,212 germanoj.

La letoj apartenas al etnologia kaj lingva branĉo, kiu havas nur du reprezentantojn, la letan kaj la litovan (la malnova prusa, kiu apartenis al la sama familio, tute malaperis). Oni tute ne devas ilin miksi kun la slavoj.

Ne estas sciate precize, en kiu epoko la letoj, samkiel la litovoj, invadis la landon nun okupatan de ili. Oni scias, ke ili venas de la altaj ebenaĵoj de Irano, sed ilia migrado, se oni juĝas laŭ la perfekteco de la gramatikaj formoj, devus esti pli novtempa, ol tiu de la aliaj ariaj rasoj, ĉar ilia lingvo, unu el la plej dolĉaj kaj plej melodiaj de Eŭropo, estis nur malmulte influita de la barbaroj, kiuj invadis la roman imperion. La lingvoj de tiuj ĉi transformiĝis kaj simpliĝis iom post iom, dum malgraŭ la sennombraj persekutoj, kiujn la letoj kaj litovoj suferis, ili konservis riĉecon de formoj kaj de finiĝoj, kiujn la celtaj, romanaj kaj germanaj lingvoj perdis.

La letoj trovis la bordojn de la Balta Maro okupataj de raso nomita Livo, pri kiu oni scias preskaŭ nenion. Verŝajne ĝi estas absorbita de la noveventintoj, ĉar en perditaj anguloj de la baltaj provincoj ekzistas ankoraŭ idoj de pli antikva raso multe pli malsupera al la letoj.

La ariaj enmigrintoj, post sia establiĝo sur la bordoj de la Dvina-rivero kaj de la Finlanda-golfo, kondukis pacan vivon, fiŝkaptante, bredante bestojn, kaj pensante neniam al milito. Estis popolo milda kaj amema, vivanta verŝajne komunume kiel oni povas ĝin distingi en la antikvaj kantoj, kiuj formas la plej valoran trezoron de la literaturo de tiu popolo. Ili estis tiel bonaj kaj konfidemaj, ke ili akceptis kun malfermitaj brakoj la germanajn negocistojn de Lübeck, kiuj en 1150 vizitis unuafoje tiujn randojn. Serĉante novajn vendejojn al Oriento, ili haltis ĉe la enfluejo de Dvina kaj tie sin instalis. Tiu ĉi unua vojaĝo estis la antaŭkuranto de pli grandaj malfeliĉoj, kiujn suferis tiuj ĝis tiam tiel feliĉaj kvankam malriĉaj landoj.

La profitaj interŝanĝoj, kiujn sciis fari la unuaj marvojaĝantoj, altiris novajn komercistojn. Tiuj ĉi estis sekvataj de monaĥoj, kiuj supreniris Dvinan. Ili estis armitaj per lancoj kaj glavoj, ĵetis sin sur la *Kurojn* (branĉo de la leta popolo), kiuj loĝis apud la maro, ĉe la bordoj de l'rivero, kaj havis por defendo nur hakilojn de siliko kaj bronzo. La resto de la leta raso, vidinte la terurajn buĉojn de siaj fratoj, submetiĝis al Meinhard, ĉefo de la monaĥoj, kiu estis nomita episkopo. Ĉe liaj posteuloj Albert kaj Torquemada, la lando estis trabanita en sango, precipe post la fondo de la ordeno de livlandaj kavaliroj aŭ glavportantoj, al kiuj la papo konsentis la rajton regi la novekonvertitojn.

Tiu ĉi stato daŭris jarcentojn kaj estis interrompata nur per la oftaj ribeloj de la subpremataj vilaĝanoj, kiuj estis sufokataj en sango. La glavportantaj kavaliroj estis ne nur monaĥa ordeno sed konkerantoj, kiuj prenis la titolon de baronoj kaj sin instalis en kasteloj, meze de la teroj apartenantaj al la ordeno. Ili ne interkomprenis sin, kaj okazis militoj de kastelo kontraŭ kastelo, de urbo kontraŭ urbo. Estis epoko de anarĥio, pro kiu suferis, kiel ordinare, precipe la kompatindaj vilaĝanoj.

Kiam en 1410 la sorto de la teŭtonaj kavaliroj decidiĝis apud Tannenberg, malfacilaj tempoj komenciĝis por la livlanda ordeno. Pasis unu jarcento en senĉesaj bataloj kontraŭ la letoj, poloj kaj rusoj. Sed en 1502 la Moskvanoj invadis Livlandon. La alvoko de la balta ordeno al Germanujo restis senresponda; tiam la lasta superulo de l'ordeno, Gothard Kettler, sin turnis al la poloj. Sigismond-Aŭgusto, kiu regis en Polujo, ricevis siaparte sudan Livlandon; Kettler estis nomata duko de Kurlando, sub la estreco de Polujo. Norda Livlando, t. e. nuna Estujo, pasis al Svedujo. Tio ĉi estis nova fonto de malpaco inter Polujo kaj Svedujo, kiuj kondukis furiozan militon. Ĝi finiĝis nur en 1629, kiam Gustavo Adolfo akiris Livlandon kaj Estujon; Kurlando restis pola feŭdalŝtato. De tiam datumas la enkonduko de la reformo en la baltaj provincoj. En 1652 la livlanda ordenŝtato disiĝis.

Svedujo administris Livlandon, sian novan kolonion, kun multe da zorgo. Sed venis la tago, kiam ĝi devis foriri de tie. Petro la Granda klopodis proksimiĝi al okcidenta Eŭropo, kaj ekrigardis al la Balta Maro, decidinte al si tie „malfermi fenestron al Eŭropo.“ Tial la deklaro de milito al Svedujo. Karlo XII$^a$ estis venkata ĉe Poltava. La 15 julio 1710, post longa sieĝo, Riga estis prenata kaj la sorto de la baltaj provincoj fiksata. Livlando estis cedata al Rusujo kaj du jarojn pli malfrue ankaŭ Estujo. En 1795, sub Katerino II$^a$, Kurlando ankaŭ estis unuigata al Rusujo.

Kiam Livlando estis prenata, Petro la Granda garantiis al la lando, krom la liberecon konfesi la evangelian religion, la lokan aŭtonoman administron kaj tiun de la justeco laŭ la landleĝoj. Tiu ĉi promeso estis tenita ankaŭ de liaj senperaj posteuloj.

De post la konkero de Livlando per Petro I$^a$, firma paco ekregis en la lando. Kiam en 1817 Aleksandro liberigis la sklavojn li donis al ili nenion el la teroj, kiuj devus aparteni al ili laŭleĝe kaj logike. La tuta loĝantaro, escepte la germanoj de la kasteloj kaj la germanaj negocistoj de la urboj, dronis en nigra mizero. Ĉiu estis devigata, por vivi, akcepti senhomajn kondiĉojn, altrudatajn de la baronoj.

[1] Laŭ verkajoj de G. Pavloviĉ, S. Persky, N. Purin, k. a.

La germanaj baltoj konsistigis la aristokration, la pastraron, poste la intelektan klason, la grandan industrion kaj la grandan teran proprecon. La pli granda parto de la vilaĝa loĝantaro (70 %) estis sen tero. La resto posedis malgrandajn farmojn aŭ kelkajn pecetojn de tero. En Livlando preskaŭ unu miliono da letoj okupiĝis pri agrikulturo aŭ laboris por la „sinjoroj". Multaj baronoj efektive posedis po 10, 20, iufoje 25 landbienoj.

La letaj vilaĝanoj de la baltaj provincoj ĝemis dum 700 jaroj sub la jugo de la baronoj, ili estis simplaj sklavoj. La 25 aŭgusto 1817 la baronoj devis liberigi siajn sklavojn, sed lasis ilin sen tero. La rajton pri ĝi rezervis al si la nobelaro. Tiu ĉi akto enhavas tragedian socian maljustajon, kiun suferis dum tuta jarcento la malfeliĉa popolo. La baltaj baronoj, nesignifa nombro, estis metintaj sian feŭdalan stampon sur la tuta vivo politika, socia kaj kultura, ili tenis la tutan landon en siaj feraj manoj. Ili ludonis terojn je plej pezaj kondiĉoj, kaj se ili vendis — provizore — pecetojn, tio estis je plej fantaziaj prezoj, super kio ankaŭ impostoj plej detruiĝaj. Jam en 1897 la proletariaro formis 65 % de la kampara loĝantaro, kaj en 1905—1907 ĝi superis 70 %. Ĉiu nobelo havis tiom da plugebla tero kiom mil vilaĝanoj. Tiel la ¾ de la leta loĝantaro okupiĝis pri agrikulturo, kaj tial oni nomas prave la letojn popolo de plugistoj „araijut auta"; tamen la laboro ne estis farata por la profito de la laboristoj, sed por tiu de 1400 baronoj.

Ĉe tio la poloj invadis de okcidento kaj de sudo, la danoj surbordiĝis kaj la germanaj mastroj (sinjoroj) sin donis jen al unu, jen al alia. Inter ĉiuj ĉi sin reciproke persekutantaj konkerantoj, nur la svedoj kaj la pola reĝo Stefano Batori sciis gajni la amon de siaj regatoj, precipe la svedoj, kiuj protektis la malfeliĉajn sklavojn. Sed nur post la liberigo de la sklavoj en la resto de la imperio per Aleksandro IIa, la letoj havis rajton posedi terojn.

Radika ŝanĝo okazis kiam Aleksandro IIIa supreniris la tronon. Pobedonoscef komencis rusigi la baltajn provincojn. La lokaj tribunaloj kaj la administro estis anstataŭataj per rusaj institucioj. La loĝantoj de la baltaj provincoj, letoj, estoj kaj aliaj neniel kontraŭstaris al la rusigado de la lando, ĉar la rusa administro por ili estis malpli tirana ol tiu de la baronoj baltaj. Nikolao IIa daŭrigis la verkon de rusigado komencita de lia patro.

Multe da filologoj, kiuj ne profundiĝis en la demando, pensas, ke la leta-litova grupo estas slavaj idiomoj, sed sufiĉas preni letan gramatikon por vidi la eraron. La gramatiko kaj vortaro leta, kiel la litova, estas pli proksimaj al la sanskrito ol tiuj de aliaj lingvoj nun parolataj en Eŭropo. La leta estas lingvo hindo-eŭropa de la grupo balto-slava kaj havas nenian parencecon kun la rusa kaj germana.

Ĉe la letoj, kiel ĉe preskaŭ ĉiuj popoloj de Eŭropo, la unua literaturo, kiu floris, estas la parola literaturo, transdonata per tradicio de buŝo al buŝo. Ĝiaj popolaj rakontoj, kantoj, havas grandan artan valoron, oni trovas ĉiuspecajn, de la historiaj kantoj de eposa speco, kiel la rusaj „*bujlinoj*", ĝis la sentimentalaj aŭ gajaj romanoj. La popola poezio havas karakteron precipe lirikan kaj pastoralan. La verkoj lete skribitaj konsistas precipe el tradukoj, el kiuj la plej malnovaj datumas de XVa jarcento.

La Reformo estis utila al la leta literaturo. La pastroj ne povante instrui siajn paroĥanojn en germana lingvo, kiun ili ne komprenis, estis devigataj traduki en la landa lingvo la *Pater Noster*, la dek ordonojn, k. t. p., en 1526. En 1586 estis presata en Königsberg la unua preĝlibro. La tuta Biblio estis publikigata en 1689. Tiu ĉi traduko ludas en Letujo la rolon de la traduko de Luther en Germanujo.

La unua notinda nomo en la leta literaturo estas tiu de Stender la malnova (1714—1799), poeto, scienca verkisto kaj vortaristo. Post li estis flortempo de poetaj talentoj, Girgensohn, Hugenberg, Henri la blindulo, la unua poetovilaĝano (1789—1825), fama per siaj kantoj de libereco, Hans Liwenthal, Hans Leitans, Ernest Dunsberg. Sed en la literaturo, Merkel (1769—1796) estis la unua, kiu konigis la veran situacion de Letujo siatempa; li insistis pri la neceso liberigi la sklavojn, kaj lia verko, ofte represata, estas tre leginda. Pastro Elverfeld (1756—1819) estis la unua originala dramaŭtoro. La kreinto de la leta teatro estas Jean Stender (1794—1819), filo de la malnova, kun sia fama teatrajo *Shuhpu Behrtuls*, speco de „*Si j'étais Roi*", sed predikanta kontraŭ la vino kaj la alkoholajoj. La letoj havas pasion al teatro.

Ĝis la mezo de XIXa jc., la leta literaturo estis nur rebrilo de la germana literaturo, ĉar pro la pezanta tiraneco en la lando la fremdaj lingvoj estis nekonataj. Post la liberigo de la sklavoj, la popolo sin donis kun rimarkinda entuziasmo al literatura laboro. Ĵurnaloj fondiĝas, malgraŭ la severeco de la cenzuro la politika vivo naskiĝas. Aro da ĵurnalistoj sin dediĉas al la interesoj de la lando, el kiuj la unua talentulo estas Christian Waldemar. Li ĵetas la ideon, kolekti la trezoron de la letaj kantoj, kaj baldaŭ kolektiĝis pli ol 200,000, el kiuj 5000 estis publikigataj en 1873 kaj 1874.

Dume la lirika poezio kaj la romano ekprosperis. Aperas poetoj grandtalentaj, kiel Pumpur kaj Auseklis. La unua estas aŭtoro de eposa poemo *Lahtschplesis* (Ursvenkanto), laŭ la nomo de nacia heroo, defendanto de la libereco de sia popolo. La popolo kredas ankoraŭ, ke li vivas kaj venos liberigi sian landon. La dua estis tre persekutita de la nobeloj kaj de la rusaj aŭtoritatoj, kiuj ne rigardis favorokule la demokratiajn ideojn vekiĝantajn en la spiritoj de la juna generacio. Malgraŭ ĉio Pumpur kaj Auseklis sciis montri sian patriotismon kaj talenton. Nomindaj el tiu epoko estas ankaŭ la poetoj Janis Essenberg, Janis Pavasars, Edwarts Wenskis, Martin Lapa, P. Blau, Ludwig, Bersin, k. a. Agrablajn novelojn priskribantajn la popolajn morojn lasis la prozisto Neuken (1835—1868). La fratoj Kaudzit en sia rimarkinda romano „En la tempo de la termezuristoj" priskribis la intrigojn ĉirkaŭ tiuj, kiuj devis mezuri la terojn luatajn al la vilaĝanoj. Tiuj teroj pasis ĉiujare en la manoj de alia familio, pro la subaĉetemo de la sinjoraj oficistoj; la korupto estis ĝenerala.

De post 1890 nova inspiro rimarkiĝas en la leta literaturo; la socialismo aperas, ĝi inspiras noblajn intelektojn kiel E. Weidenbaum kaj E. Treumann, talentaj lirikpoetoj.

Ĉiuokaze la nomoj, kiuj brilas pleje ĉe la poeta firmamento estas tiuj de Pleekschan-Rainis kaj de lia edzino Elsa Rosenberg, konata sub sia pseŭdonomo Aspasia. Rainis kaŭzis bonfaran influon super sia popolo, kaj eĉ de la pitoreskaj bordoj de la lago Lugana, kie lin retenas lia sano difektita de la malliberejo kaj persekutoj, li sekvas kun pasio, kio okazas en lia malfeliĉa lando, kaj li estas admirata kaj amata de la tuta popolo de Kurlando kaj Livlando. Li koniĝis kiel redaktoro de la ĉiutaga ĵurnalo *Dianas Lapa*, malpermesita de la cenzuro. Li estas vera martiro de la leta libereco. Lia unua granda sukceso estis traduko de Faust. Post ĝi, li donis „Pusidealists" (Duonidealistoj), komedio kie la aŭtoro kontraŭstarigas la demokratian idealon al la malprogresemaj ideoj; „Uguns un Nakts" (Fajro kaj Nokto) kaj „Indulis un Aria", konsiderataj kiel plej belaj verkoj de la drama leta literaturo. Lia edzino, kiu partoprenas lian ekzilvivon, estas la plej granda dramaŭtoro-virino, kiun produktis la leta lingvo. Ŝia dramo „Sandetas teesibas" (Perditaj rajtoj) kaj „Neaissneegts mehrkis" (Mistrafitaj celoj) estas en la repertuaro, samkiel ŝiaj dramoj „La Vestalo" kaj „La Arĝenta Vualo". Ĉiuj estas inspirataj de la amo al progreso kaj al libereco. Ŝiaj virinoj estas liberigitaj je

la malnovtempaj kredoj kaj antaŭjuĝoj. Iu kritikisto diris, ke la verkoj de Aspasia estas la florornamoj de la poeta krono de Letujo. Nun ambaŭ poetoj verkas komune dramon pri la franca Revolucio.

Aliaj el la plej rimarkindaj nuntempaj verkistoj estas: Skalbe, Upit, Assar, Birkert, k. a. La nombro de verkistoj, poetoj, prozistoj, kritikistoj, politikverkistoj estas vere eksterordinara.

* * *

La karaktero de la baltaj provincoj rememorigas tiun de Orienta Prusujo. Plata lando, escepte Livlando, kiu estas monta regiono, riĉa je lagoj kaj arbaroj, sed kie nenio estas ekstrema, kie ĉio harmonias kaj donas impreson de trankvila beleco.

La klimato estas relative modera. La malvarmo neniam estas tiel supermezura kiel ekzemple en centra Rusujo, kaj la varmo ne atingas tie la brulantan ardon, kiu sekigas la rusajn stepojn. La proksimeco de la maro mildigas la klimaton, kaj ĝin faras tre favora al la agrikulturo. De vidpunkto de la kulturo, la baltaj provincoj okupas la unuan vicon en Ruslando; la tero estas tie laborata laŭ ekzempla maniero.

El ĉiuj tri partoj, kiuj formas la belan Letujon, la plej pitoreska estas la sudorienta, nome Letgalio. Norde ĝi estas eksterordinare arbara kaj marĉa kaj nur maldense loĝata. Aliloke tamen la grundo estas fruktodona. La Lubanlago (85 km²) kun Evsto kaj aro da aliaj riveroj kaj riveretoj formas potencan akvobasenon, kiu kaŝas en si vastajn arbarojn kaj preskaŭ netraireblajn marĉojn. Vilaĝoj troviĝas tie ĉi nur malofte, ĉar estas nur malmulte da sekgrundo konvena por koloniigo. Tial ke neniaj vojoj ekzistas, la loĝantoj povas nur dum seka jartempo atingi tra arbarvojetoj siajn herbejojn, kiujn ili tuj post la fojnfalĉo denove forlasas por reveni al siaj ofte 30—40 km. malproksimaj vilaĝoj; la fojno estas venigata nur en vintro, ĉar ĉevaloj en somero ne povas penetri. Ofte dum pluva somero la vilaĝoj estas dum monatoj elŝlositaj de la ekstera mondo, kaj nur en vintro malfermiĝas por ili sur la frostitaj marĉoj kaj ŝlimoj la konvenaj komunikvojoj al la ekstera mondo.

Tute alian bildon prezentas la suda parto, komenciĝanta de la pitoreskaj bordoj de Rasnolago ĝis la bruanta Dvinarivero. Tiu regiono estas dense loĝata, kaj kvankam la grundo ne estas speciale fruktodona, ĝi konvenas ĉie por konstruo. Akvoriĉeco ekzistas ankaŭ ĉi tie, sed havas alian formon. Lagojn kaj lagetojn oni rimarkas preskaŭ en ĉiu bieno kaj granda vilaĝo. El cent km² oni kalkulas certe ne malpli ol cent grandajn kaj malgrandajn lagojn, kiuj daŭras inter montetoj kaj montoj kaj donas al la pejzaĝo pitoreskan ĉarmon; speciale bela estas la ĉirkaŭaĵo de la nubmonto apud Rasnolago.

La terspaco inter la apartaj bienoj kaj vilaĝoj estas malpli vasta ol en la nordparto. Tie ĉi ekzistas multaj kaj pli oportunaj komunikvojoj; tial la komerco estas vigla, la kultura disvolvo prospera; Rositten kun siaj unuiĝoj kaj lernejoj fariĝas kiel ekonomia kaj spirita centro de la lando, kaj la loĝantoj impresas kiel vivĝojaj, laboremaj kaj energiaj homoj.

Ankaŭ ekonomie Letgalio jam de nememorebla tempo celas al la baltaj provincoj. Preskaŭ ĉio eksportata fariĝas per la havenoj de Riga, Libau aŭ Windau, kaj tiuj urboj estas la komerccentroj por la lando. Eksportataj estas ligno, lino, greno, butero, birdaro, kaj importataj semoj, artefaritaj sterkoj, agrikulturaj maŝinoj. Por disvolvo de la ekonomiaj rilatoj multon faras la granda leta kompanio, la ekonomia societo „Leta Terkulturisto“ kun siaj filioj en Dvinsk, Rositten, Ludson kaj aliaj lokoj. Letujo posedas en sia tero neniun el la trezoroj de krudaj materioj necesaj al la industrio.

En Letujo oni donas grandan signifon al la publika instruado, kaj la malkleruloj estas fenomeno. La analfabetoj estas esceptaj, la unuagrada instruo estas entute tre bona. La lernejaj reformoj datumas de la sveda okupado, ili estis aparte efikaj, ĉar la leto alligas multe da graveco al la instruado de siaj infanoj, ne konante maldiligenton kaj senzorgon.

Por juĝi ekzemple pri la grado de la instruado de la leta popolo, sufiĉas rimarkigi, ke ne ekzistas nelegosciuloj en ĝiaj vicoj, escepte parto de la hebreoj kaj rusoj. Koncerne la duagradajn lernejojn, Letujo klasiĝas ĉe la frunto de ĉiuj civilizitaj landoj, ĉar en 1910 estis en la lando 98 duagradaj lernejoj kun 22,600 lernantoj, t. e. 1 lernejo je 26,000 loĝantoj. Sampaŝas nur Norvegujo, kie oni kalkulas ankaŭ 1 duagradan lernejon je 26,000 loĝantoj, dum en Belgujo estas 1 je 41,300 loĝantoj, en Francujo je 44,600, en Germanujo je 54,100, k. t. p.

La atingita grado de kulturo estas tiom pli laŭdinda, se oni konsideras, ke ĉiuj rezultatoj ĝis nun devenas de la privata agado. La rusa ŝtato ne kuraĝigis la kulturan emancipon de la letoj, sed kontraŭe ĝin malhelpis, samkiel la gvidantaj germano-baltaj klasoj pro timo de konkuro de floranta letismo.

La letoj estas tre alligitaj al la grundo kaj precipe avidaj je libereco, kio klariĝas tre bone pri tiel malgranda popolo, kiu sciis konservi preskaŭ pura sian rason kaj sian lingvon dum jarcentoj, superverŝitajn de sango kaj turmentoj senĉesaj. Aliflanke la ĉiam pliboniĝanta lerneduko kaj la superpezo de la evangelia religio kvazaŭ riveligis en la leta popolo la de la naturo al ĝi donitan fortan liberecsopiron kaj malvolviĝis en kuniro kun la rusa revolucio forta socia movado. En 1905, ĉe la unua rusa revolucio, le letoj estis la unuaj, kiuj solidariĝis kun la revoluciistoj.

Notinda estas la fajra lukto kontraŭ la subpremantoj; ĉiu premo sur la sentoj de la leta popolo kaj ĉiu falsigado pri ĝi konsistigus krimon kontraŭ la „rajto de la popoloj disponi pri si mem“. La letoj estas fervoraj liberemuloj kaj tial klopodas reliberigi sian landon de la nobelaro. La urba kaj vilaĝa laboristaro havis nenian voĉrajton por la Landkonsilantaro, kiu sin proklamis por la anekso al Germanujo.

La letoj postulas ne disiĝon de Ruslando, sed liberan disvolvon nacian sur la bazo de sia propra lingvo kaj nacia karaktero. Tio estas ebla nur per la konsento de politika aŭtonomio al la tuta leta lando — t. e. al Kurlando kaj la letaj regionoj de Livlando kaj de la provincoj de Vitebsk — en la kadro de la rusaj ŝtatoj. La fakto, ke la letoj organizis en 1915 spontane nacian armeon, konsistantan grandparte el volontuloj, ĉe la flanko de Rusujo, montras klare iliajn simpatiojn. Ili estas respublikaj kaj socialistaj, kaj celas al la realiĝo de la rusa federa respubliko. Ĉiuj letaj organizajoj sin deklaris por tio. Ĉiuj letaj verkistoj, jurnalistoj, pastroj, ĉe kies frunto figuras la fame konata Rainis, proklamas la demokratigon de ĉiuj institucioj, la forigon de la privilegioj de la balta nobelaro, la egalrajtecon de ĉiuj antaŭ la leĝo, la aŭtonomion de Letujo en federa Ruslando, aŭ postulas sendependan kaj neŭtralan Letujon sub internacia garantio.

*Ivan H. Krestanoff.*

## La edzeca reformo en Turkujo

Inter la reformoj realigitaj de Turkujo, tiu de la edzeca leĝaro en novembro 1917 estas destinita havi gravan influon sur la leĝa starigo de la familio kaj grandan efikon en la mahometana mondo. La nove reguligitaj demandoj koncernas la edziĝon, la eksedziĝon kaj la poligamion. La kleraj juristoj, kiuj preparis la novan leĝon, precipe klopodis provizi per seriozaj kaj efikaj garantioj tiel gravajn aktojn, kaj forigi la neegalecon, kies viktimo estis la virino en la kutima jurpraktiko. Ĝis nun la edziĝo estis plenumata en la ĉeesto de l' imamo (pastro); en la estonteco ĝi estos farata en la ĉeesto de l' juĝisto aŭ de lia delegito. La virino estis sub la arbitro de la viro; de nun ŝi povos aŭdigi sian voĉon antaŭ la tribunaloj. Ŝi rajtos kondiĉi ĉe la edziĝo, ke ŝi ne akceptas la poligamion de la edzo. La leĝdonantoj ne forflankiĝis de la religia leĝo; kontraŭe, tute ĝin respektante, ili elektis en la diversaj mahometanaj ritoj la liberalajn aranĝojn, kiuj konvenas al nia epoko.

La nova leĝo enhavas ankaŭ parton rilatan al la nemahometanoj, ellaboritan laŭ projektoj proponitaj de nemahometanoj.

Ni okupiĝu unue pri la aranĝoj koncerne la mahometanojn. Parto de tiuj ĉi tekstoj aplikiĝas ekskluzive al la formo kaj al la ceremonioj eksteraj; la alia parto traktas la fundon mem de la demando, precipe koncerne la edziĝon. En la aranĝoj koncerne la formon, ni renkontos tri novajn punktojn: la solenado de la edziĝo en ĉeesto de la magistrato, la registrado de la edziĝo kaj la publikigo de la oficialaj anoncoj antaŭ la edziĝo.

*Edziĝo.* — Ĝis kiam la knabinoj plenumis sian naŭan jaron kaj la knaboj sian dekduan, ili absolute ne povos kontrakti edziĝon. La knabinoj povas edziniĝi *libere* post sia dek-sepa jaro, kaj la knaboj post sia dek-oka. Antaŭ la aĝo montrita de la leĝo, la virino devas akiri la konsenton de sia kuratoro, kaj la knabo tiun de la magistrato.

Alia punkto antaŭvidita por la reguligo de la edziĝo estas la publikigo de la oficialaj anoncoj en templimo fiksita antaŭ la edziĝo. Tiu ĉi aranĝo evitas la malakordojn, kiuj povus okazi pri la edziĝoj konkluditaj kontraŭ la laŭleĝa principo, kaj tiu ĉi oportunajo estas la plej granda kaj la plej grava.

La edziĝo, laŭ la mahometana juro, ne principe diferencas de tio, kion la eŭropanoj nomas hodiaŭ civila edziĝo. Deklaro, kun la ĉeesto de du atestantoj, sufiĉas por la konsekro de l' geedza unuiĝo. Tiaj estis la principoj uzataj en Turkujo kaj la edziĝoj konkludiĝis en la ĉeesto de la imamoj. La nova leĝo plivastigis tiujn principojn kaj donis al la ceremonio solenan karakteron. La leĝo trovas nesufiĉa la konkludon de la edziĝo en la ĉeesto nur de du atestantoj kaj metas kiel kondiĉon, ke iu magistrato aŭ ŝtatoficisto prezidu la ceremoniojn.

En kelkaj regionoj de Turkujo okazas edziĝoj kontraŭ la volo de iu el la geedzoj. Por malhelpi tiujn edziĝojn, la komisiono sekvis la regulojn formulitajn de la respektata imamo Ŝafi kaj intermetis en la leĝo aranĝon, kiu senvalorigas la edziĝojn konkluditajn en tiuj kondiĉoj.

*Eksedziĝo.* — La eksedziĝo signifas la forigon de socia ligilo. Tiu ĉi ligilo, en sia nuna formo, povas esti rompata ĉiumomente de la edzo kaj, kontraŭe, estas ekstreme malfacile, preskaŭ neeble al la virino ĝin rompi. Ordonante la novajn aranĝojn koncerne la solenadon kaj la registradon de la edziĝo, la leĝdonanto estus povinta konsenti la rajton de eksedziĝo al la virino tute kiel al la edzo. Sed ĝi opiniis, ke pro la nuna situacio de la socia mahometana eduko, la edziĝoj konkluditaj sub tiu ĉi formo estus tro malstreĉintaj la sociajn ligilojn. Oni do elektis la principojn de la respektata imamo Maleki kaj sekvis bonan metodon: Se, sekve de malakordo aperinta inter ambaŭ edzoj, la virino postulas la eksedziĝon, la tribunalo elektos konsilantaron de arbitraciantoj konsistontan el kvar personoj elektitaj po du en la respektivaj familioj de ambaŭ edzoj, kaj kiuj klopodos akordigi ambaŭ geedzojn; se ili ne sukcesas, oni turnos sin al la juĝisto, kiu decidos la eksedziĝon. Se malkonsento okazas inter la arbitraciantoj, estos formata ĉi-foje alia konsilantaro, konsistanta el personoj ekster la familioj de la geedzoj: ĝia opinio estos konsiderata. Oni vidas, ke per ĉi tiu metodo oni fine sukcesas protekti ĝis certa grado la rajtojn de la virino tute ne lasante ŝin libera disponi laŭplaĉe kaj tro facile la rajton rompi tiel gravan socian ligilon. Kiam la edzo volos la eksedziĝon, kiun li povis realigi ĝis tiam laŭ sia bontrovo, li devos pruvi antaŭ la juĝisto la neceson de la disiĝo.

*Poligamio.* — La nova leĝaro ne tuŝas tiun ĉi institucion; ĝi ne forigas ĝin jure, kio estus kontraŭa al la religiaj tekstoj kaj al la kutimo, sed ĝi forigas ĝin fakte, donante al la virino la rajton akcepti aŭ ne la poligamion de la edzo. Ĝi allasas efektive la sekvantan solvon: en la momento de la konkludo de l' edziĝo, la virino povas meti kondiĉon, laŭ kiu, en okazo ke ŝia edzo volus preni novan virinon, lia unua aŭ dua edziĝo estus nula.

Oni tiel vidas, ke la leĝo, tute obeante al la esencaj aranĝoj de nia religio, donis tre kontentigan solvon al multaj tre gravaj sociaj demandoj.

Estus dezirinde, ke tiu nova leĝo, redaktita de mahometanaj juristoj kaj publikigita de la Ĥalifo, estu alprenata de ĉiuj mahometanaj landoj.

* * *

La nova leĝo okupiĝas fine pri la nemahometanoj. La turka konstitucio starigas la egalecon inter la diversaj kultoj de la imperio. Estis tute nature etendi al nemahometanoj la reformojn pri la edzecaj demandoj kaj doni al ili novajn leĝajn garantiojn, despli ke ĉe la kristanoj kaj ĉe la izraelidoj la malnova formo de edziĝo prezentis multajn mankojn laŭ vidpunkto de la precizeco. La edziĝo kaj la eksedziĝo ne sufiĉe komprenigis al la geedzoj la leĝajn kaj reciprokajn devojn, kiujn ili prenas sur sin. Estis religiaj komunumoj, kie la edzeca unuiĝo povis multfoje laŭvice esti farata kaj malfarata. La nova leĝo komisiis al la tribunaloj ordigi la edziĝ- kaj eksedziĝdemandojn de nemahometanoj.

Oni scias, ke, kun maloftaj esceptoj, preskaŭ ĉie en Eŭropo la civila edziĝo estas akceptita. Tamen, ĉar la orientaj kristanoj opinias tre grava la solenadon de la preĝeja edziĝo, la leĝo prikonsideris tiun punkton. Se, laŭ la speciala aranĝo de la leĝo koncerne tiun ĉi punkton, la edziĝo devas esti solenata en la preĝejo en ĉeesto de l' pastro, estos tamen de nun necese, ke la magistrato aŭ alia lin reprezentanta oficisto estu tie ĉeestanta. Tiumaniere oni sukcesos antaŭcertigi la enskribon de la edziĝo en la registroj de la ŝtato kaj la forigon de la kontraŭleĝaĵoj ĝis nun faritaj pri edziĝo.

La leĝo rekonis certajn malhelpojn, kiujn la pastro povus alvoki, kaj la celo de tio povas esti nur la respekto ŝuldata al la ceremonioj konsiderataj kiel religiaj. Tamen, se la pastro rifuzas soleni edziĝon sekve de baroj ne nomitaj en la leĝo, la klopodo pri tio ĉi antaŭ la juĝaj aŭtoritatoj estos konsiderata. Komprenenble, la edziĝoj solenitaj en la foresto de la magistrato aŭ de lia reprezentanto kaj ne registritaj de la tribunalo havos nenian leĝan valoron.

Estas tute nature, ke la petoj pri eksedziĝo estu ankaŭ prezentataj al la tribunalo. En okazo ke tiu ĉi decidos la

eksedziĝon, estas donite al ambaŭ partioj limtempon de tri monatoj por plenumi la religiajn formalaĵojn.

Dum tiu limtempo, ambaŭ partioj estos liberaj plenumi aŭ ne la necesajn formalaĵojn. Tamen se la partio, kiu postulis la eksedziĝon kaj akiris de la tribunalo favoran decidon, sin turnas denove, dum tiu trimonata limtempo, al la tribunalo por deklari, ke ĝi rezignas sian demandon, la tribunalo nuligos sian decidon. Ni aldonu, ke ĉar la plenumo de tiuj religiaj formalaĵoj estas absolute laŭvola, nenio estos ŝanĝita ĉe la decido de la tribunalo, se tiuj ĉi ne estos plenumitaj.

Tiaj estas la ĉefaj aranĝoj, kiuj regas la nemahometanojn. Oni tiel vidas, ke la nova leĝo zorgis respekti la religiajn kutimojn kaj tradiciojn de tiuj ĉi. Sed ĝi certigis samtempe severan reguligon de la edziĝ- kaj eksedziĝdemandoj. Oni multe penis por atingi tiun ĉi rezultaton. Granda nombro da specialistoj estis kunvenigita, longaj kaj detalaj studoj estis faritaj, multnombraj opinioj esprimitaj. Tiamaniere, la edziĝa ligilo, kiu estas certe la plej grava el la sociaj ligiloj, estas sub severa kontrolo, ĉu kiam ĝi estas konkludata, ĉu kiam ĝi estas rompata.

Laŭ *Mohammed Bach-Hamba.*

Trad.[1]: *H. K.*

[1] El „*La Revue du Maghreb*“.

---

## Falsado de antikvaĵoj

II

La historiaj kaj teknikaj konoj necesaj por lerte trompi devas almenaŭ egali la kapablojn de meza universitata profesoro, eble alvokita kiel spertulo. Se la „instruita, sinjoraspekta“ krimulo troviĝas aliloke ol nur en la detektivaj rakontoj, li certe estas inter la vendistoj de falsaj antikvaĵoj. Li devas kunigi la elegantecon de mondema sinjoro kun la scio de okulvitra specialisto pri la pasinto. Li devas rilati kiel komercisto kun komercistoj pri negocoj ofte altsumaj kaj akrigi sian intelekton kontraŭ la plej famaj inteligentoj de eŭropaj universitatoj.

La teknikaj procedoj por prepari „antikvaĵojn“ estas arto ampleksa kaj delikata, same kiel la tuta strategio de artifikoj, kiun majstras la profesiaj kartludantoj. Ora kolumo aŭ manumo, de tempo al tempo trabanata en fluidaĵo el rompitaj ovoj, akiros plej belan brunan surfacon (patino) post tri monatoj. Elefantosta skulptaĵo devas esti malnovigata? La necesaj fendetoj tuj aperos se vi metas ĝin momente en varman akvon kaj sekigos sur fajro. Vi deziras mezepokan seĝon aŭ tablon? Pecoj de malnova ligno estas lerte kunigataj per aŭtentike malnovaj najloj. Poste la meblo estas prilaborata, skulptata kaj pentrata, sed la koloro denove forigata per potaso, por ke restu nur ĉi tie kaj tie malfortaj koloreroj. — La seĝo devas esti traborata de vermoj? Traktado per acidoj aŭ lerta uzo de la borilo donos al vi tiom da vermtruoj kiom via koro deziras. Se vi estas sperta, vi elprovos la truojn per trikotilo. Sed eĉ la plej aŭtentikaj mezepokaj vermoj ne povis trafosi pli rektajn kanalojn ol faras modernaj instrumentoj.

Vizitu fabrikejon de antikvaj pentraĵoj, kaj vi trovos, ke ilia procedo estas arto samgranda kiel mezbona pentrado. Unue la tolo devas esti malnova. Sed feliĉe la kampuloj en Aŭstrio kaj kelkaj Balkanaj ŝtatoj ankoraŭ nuntempe teksas tolon samspecan kiel antaŭ tri cent jaroj. Se tia tolo ne estas akirebla, oni aĉetas aŭtentikajn, sed malmultkostajn malnovajn pentraĵojn, la koloro estas forigata per ĥemiaĵo kaj la surfaco repreparata por estonta plezurigo de bonfida aĉetanto. Sed tiu ja serĉos fendetojn en la kolorajo. La renesanca artisto de la dudeka jarcento simple bakas sian bildon en forno, kiel panon, ĝis la koloro kraketas aŭ eĉ disiĝas. La koloro estas tro brila? Trankviliĝu, oni kuiras ĝin en glicirizo aŭ tabaka saŭco. Lakto, delikataj cindroj kaj nigraĵo de petrola lampo, alfrotataj per la mano, aperigos la riĉan oran duonbrilon, kiun vi tiel fervore admiras. Vi deziras malpuraĵon? La dorsflanko estas provizata je iom da rezino kaj da balaaĵeroj, mane alfrotataj. Kaj la ŝimo, la vera pruvilo de antikveco? Simple pasigu penikon de glua akvo, metu vian artaĵon unu monaton en malsekan kelon, kaj vi ĝojos pri la rezultato. Nun venigu vian spertulon kaj trankvile atendu, ĉu li trovos la kuraĝegon nei, ke estas verko el la dek-sesa jarcento.

Sed, post ĉio, gravas plej multe la pentrado. Kiel oni povas tiel mirinde imiti la stilon kaj la pentran manieron de la italaj majstroj? Por tio estas necesa tre lerta pentristo. Mano estas kopiata de tiu majstro, rideto de alia, drapaĵo de tria, pozo de kvara, partoj el la fundo de kvina, sesa, kaj sepa. La fina produkto estas mozaiko, certe, sed preskaŭ nur disigebla se nesufiĉe multaj majstroj estis ŝtelitaj.

Kiel en la batalo inter rompistoj kaj fabrikantoj de feraj ŝrankoj unu lernis de la alia, tiel falsistoj kaj kolektantoj de antikvaĵoj sin reciproke instruis. Ne plu estas laŭmode antikvigi paperon ĝin metante en fumon aŭ nigran kafon. La signo en la papero de antaŭa paperfaristo estas hodiaŭ necesa. Sekve tuta Eŭropo estis traserĉata je malnovaj registroj, biblioj, kontraktoj, k. t. p. Sur tiuj flugantaj folioj el libroj, sur paĝoj de dokumentoj aĉetitaj aŭ daŭre „prunteprenitaj“ oni nun presigas laŭstile antikvajn tekstojn aŭ faras majstrajn desegnaĵojn per preparita, malforta inko. Por senarmigi dubantojn oni eltrovis plian artifikon. Okaze la dentistoj enigas en artefaritan dentaron artan denton laŭŝajne plumbitan, por ke ĝi similu al dento natura iom eluzita kaj riparita. Same la falsistoj de antikvaĵoj difektas kaj riparas intence siajn tutnovajn kreitaĵojn. Plej ofte aŭtentikaj antikvaĵoj ja ne plu estas en neriproĉinda stato. Oni do riparas lignan tavolon, hieraŭ faritan el malnova mur- aŭ plank-pargedo, per lignopecoj rekoneble novaj.

Eble via akra okulo esploris signojn de pli malnova pentraĵo sub la nuna surfaco. Vi donas la bildon al renovigisto, kiu fiere malkovras kaŝitan majstroverkon, altvaloran, kiun ne supozis tiu stulta vendisto. Kontenta vi estas pri via klereco; same ĝojas la vendisto, kiu pentrigis du bildojn sur la saman tolon.

* * *

Kiel lertaj estas la sistemoj de trompado, venos la tempo, kiam ili ne plu valoros. De kelkaj jaroj sciencistoj tiel perfektigis siajn metodojn de esploro, ke baldaŭ ili estos profite aplikeblaj. Tiel D-ro Alexander Faber, en Weimar, ellaboris tre inteligentan metodon ekzameni pentraĵojn pere de X-radioj, metodo nuntempe ne ankoraŭ multe aplikata, sed valorega por certiĝi, ĉu pentraĵo estas originala, renovigata, aŭ falsata. Fotografante pentraĵon per X-radioj, oni ricevas bildon kun neklaraj randlinioj, kvazaŭ fantastikan skizon de la originalo. La precizeco ne estas akurata: la relativa lumo de la koloroj estas ŝanĝata; la linioj diferencas, kaj malbelaj makuloj aŭ strioj difektas la tuton. Tiu stranga ŝanĝo devenas de la malsama denseco de la koloroj. Certaj koloroj estas facile transireblaj de la X-radioj, aliaj malpli, sekve eblaj kaŝitaj koloreroj ankaŭ influas la radiojn. Pezaj, mezpezaj kaj malpezaj koloroj, kiel plumbo kaj hidrargo, zinko kaj fero, kaj aluminio diversmaniere rezistas al la penetrado. D-ro Faber nun ellaboris liston de penetreco tiel ke, se li komparas la koloran fotografaĵon per X-radioj al fotografaĵo

per taglumo, li povas diri, kiaj tavoloj de koloro estas supermetataj. Kiel sur la X-radia fotografaĵo klare aperas osto, malgraŭ ke ĝi estas ĉirkaŭata de karno, tiel same peza koloro aperas, malgraŭ ia kovro de supra, malpeza koloro. Kutima fotografaĵo montras nur la nunan bildon, la plej supran kolortavolon; kontraŭe la X-radia bildo estas kvazaŭ tranĉo tra ĉiuj supermetataj koloroj.

Ŝanĝoj faritaj de la artisto mem, kiel postaj renovigoj, estas tuj rivelataj per tiu procedo. Ekzemple, la forigo de blanka kurteno anstataŭata per nigra fundo, la korekto de nebela mano, la aldono de nova figuro por ekvilibri la aranĝon tiel klare vidiĝas, ke oni kredas vidi la artiston laboranta.

La verko de kopiisto plej verŝajne ne rivelus tiajn ŝanĝojn; li ne eltrovis, li nur kopiis. Tiel fariĝos nun facile decidi, ĉu certaj multe pridiskutataj bildoj en eŭropaj muzeoj estas originalaĵoj aŭ ne.

Profesoro A. P. Laurie, el Edinburgo atakas la problemon sur alia, same sukcespromesa vojo. Li ekzamenas la kolorojn ĥemie kaj per la mikroskopo. Li deiras de la fakto, ke la malnovaj manuskriptoj kun pentritaj komencliteroj povas esti facile klasigataj laŭ la tempo de deveno, ĉar neniu falsisto havis la paciencon ilin imiti de komenco ĝis fino, malofte ili estis renovigataj, kaj la koloroj estas malmulte miksitaj. Analizinte la kolorojn de tiaj libroj el la sepa jarcento ĝis al la dokumentoj el la komenco de la dek-naŭa, li starigis liston pri la ĥemiaj ecoj de koloroj uzataj dum tiuj dek-unu jarcentoj. Forkuru, ho trompisto, kiu uzas anilinan koloron por imiti pentraĵon de la dek-sesa jarcento! Profesoro Laurie nur forskrapas de via bildo eron da koloro ne pli grandan ol kapo de pinglo por malkaŝi la kontraŭtempecon. La sama sciencisto ankaŭ esploras la manieron de pentrado, farante tiel nomatajn „mikrofotografaĵojn", pere de aparato, kiu kunigas mikroskopon al precizega fotografilo. Pligrandigiloj estis jam de longe uzataj, sed homa memoro trompas, dum aro da tiaj fotografaĵoj nenion forgesas. Praktika pruvo pri tiu metodo okazis kiam la profesoro estis petata ekzameni la aŭtentikecon de bildo de Teniers en privata kolekto. Unue li faris fotografaĵojn mikroskopajn de originalaj Teniers en la muzeoj de Edinburgo kaj Londono. Li trovis, ke Teniers pentris vizaĝojn per strekoj mallongaj, larĝaj, rektaj, aldonante kelkajn tre delikatajn, iom kurbajn liniojn por la haroj. Nu, la kapo ekzamenata estis pentrita laŭ tute alia metodo, tiel ke tuj vidiĝis, ke tiu pentraĵo ne estas originala, kvankam ĝi surhavas la nomon de la majstro.

Plia scienca laboro, kiel tiu de S-roj Faber kaj Laurie estas necesa, por ke la ekzameno de artaĵoj fariĝu pli certa ol ĝis nun. La artisto aŭ artamanto, kiel sperta li estas, estas nekonscie influata de emocioj, antaŭjuĝoj kaj inklinoj. Li multe penas resti objektiva, sed, ĉar lia ĉefa instrumento estas nur lia instinkto, lia sento, unuvorte lia bongusto, li devas fari multekostajn kaj ridigajn erarojn. En la plej bona kazo lia juĝo estas ja altgrada intuicio, kredo laŭsperta. Alie estas pri la sciencisto, kiun oni ekzemple petas esplori je kiu epoko pejzaĝo estas pentrita aŭ seĝo konstruita. Eble li ne konas la diferencon inter iu Botticelli kaj Correggio aŭ inter Adam kaj Chippendale; povas manki al li ĉiu arta sento; sed en sia laborejo kun modernaj fizikaj kaj ĥemiaj aparatoj li solvas tiun taskon kiel se traktiĝus pri iu ajn mistera solvaĵo aŭ materio, tio estas metode, ne influata de personaj sentoj. Ĉiam restos imitistoj, sed malgranda estos ilia nombro kaj grandaj la malfacilaĵoj, kiam la juĝo de la spertuloj estos anstataŭata per X-aj radioj kaj ĥemiaj procedoj.

*Waldemar Kampffert.*
Trad.[1]: *Ed. Stettler.*

[1] El *„The Strand Magazine"*.

 LITERATURO 

# Baj[1] Ganjo en la opero

De **Aleko Konstantinov**

*Aleko Konstantinov* (n. 1863, mortigita en 1897) estas konata bulgara folietonisto. Li famiĝis per siaj vojaĝnotoj „Ĝis Ĉikago kaj reire" — lia plej natura kaj plej bela verko. Sed lia nomo fariĝis plej populara post la apero de lia senmorta *„Baj Ganjo Balkanski"* — humora rakontaro ilustranta la morojn, karakteron, vivon, komprenojn kaj celadojn de la metita en ĝia centro maldelikata, needukita bulgaro. El la tuta en Esperanto tradukita verko, prezentanta apartajn rakontojn (Baj Ganjo vojaĝas, B. G. en la opero, B. G. en la banejo, B. G. en Dresden, B. G. ĉe la ekspozicio en Praga, B. G. ĉe Ireĉek, B. G. gastas, k. t. p.), ni donas la sekvantan plej mallongan, kiu sufiĉe konatigas kun la spirito de tiu verko. — *I. K.*

Mi konsentigis Baj Ganjon, ke ni promenu ĝis la operejo kaj aĉetu al ni biletojn por la vespero. Estis prezentota la baleto *Puppenfee*, kaj mi ne sciis ankoraŭ kio. Ni preterpasis la Grekan Kafejon, turnis al la Kafejo Mendl, kie sin kolektas la bulgaroj, kaj nin direktas al la preĝejo Sankta Stefano. Tie ĉi sur la placo mi invitis Baj Ganjon deiri en dolĉaĵejon, ne supozante, ke la karaktero de Don-Juan povas sin kaŝi sub la haŭto de Baj Ganjo. Sed kiajn miraklojn ne faras la civilizo! Mi devas diri al vi, ke mi studis tiam en Vieno; mi estis forveturinta pro la libertempo kaj nun revenante, survoje al Vieno mi konatiĝis kun Baj Ganjo. En tiun dolĉaĵejon mi iris ofte, kaj mi estis tre bona konato al la kasistino, beleta kaj gaja knabino, gaja, sed ŝi tenis sin bone kaj ne permesis liberaĵojn. Kaj prezentu al vi, sinjoroj, mi eniras kun Baj Ganjo en la dolĉaĵejon, proksimiĝas al la bufedo, la knabino min salutas gaje kun „bone veninta", mi respondas kun kelkaj ŝercaj afablaĵoj kaj revenas por elekti ion dolĉan, kaj en tiu ĉi tempo iu indigna krio eksonis tra la tuta ejo...

— Kio okazis, Baj Ganjo, ĉu ci faris al ŝi ion? mi elkriis konfuzite kaj kolere.

— Mi do nenion, fraĉjo, kion ja mi povus fari al ŝi? respondis embarasite Baj Ganjo, kun tremanta voĉo.

La knabino, kolerigita ĝis alta grado, kun flamanta vizaĝo, kun laŭta voĉo, rakontis al mi, ke Baj Ganjo ofendis ŝin per ago, li estis tuŝinta ŝin kaj ne nur tion ĉi, sed li provis ankaŭ la manon ĉirkaŭ ŝi volvi kun premitaj dentoj. Ŝi volis voki policanon. Skandalo!

— Foriru tuj de ĉi tie, Baj Ganjo; se cin trovas la policano, la afero estos malbona, kuru do antaŭe, mi cin atingos — elkriis mi kun ŝajna indigno, kaj malmulte restis por ridi rigardante la tragikomedian figuron de Baj Ganjo.

— Kian ŝajnpozon ŝi prenas! diris kuraĝe Baj Ganjo elirante, kvazaŭ ĉu ŝi estas honesta? Mi konas la ĉi tieajn virinojn. Montru al ŝi la monujon — tuj *Gut Morgen*, sed Baj Ganjo ne estas simpla!...

Estis destinite al mi, fini la impresojn de tiu ĉi tago kun ankoraŭ unu aventureto, kies heroo estis ree nia Baj Ganjo. En la operejo oni donis, kiel mi diris al vi, la baleton *Puppenfee*. Ni okupis sidlokojn en la partero. La teatro estis plena. La ruĝbrunaj vestoj de Baj Ganjo frapis la okulojn kiel kontrasto al la komuna malhela fono de la kostumoj. La kurteno leviĝis. Morta silento ekregas. Ĉiuj direktis la okulojn al la fantazie dekorita scenejo. Mi sentis, ke ĉe mia dekstra flanko Baj Ganjo iom moviĝas, ĝemas, sed mi ne povas fortiri miajn okulojn de la scenejo: la figuroj de l' baleto konstante ŝanĝis kvazaŭ laŭ la movo de sorĉista bastono, diversaj grupoj de baletdancistinoj aperas, malaperas; sur la scenejo jen mallumo, jen unukolora, jen diverskolora lumo — feajo! El la komuna grupo de la dancistinoj unu disiĝis, venas per malgrandaj, rapidaj paŝoj al la antaŭscenejo, haltis, saltis supren kaj eknaĝis en la aero, subtenata nur sur la pinteto de unu el siaj piedoj... Ĝuste en tiu ĉi sama momento post mia dorso ia histeria ha-ha-ha-ha! fendis la aeron. Mi turnas min maldekstren

[1] *Baj* estas alnomo al pliaĝaj fratoj aŭ pli maljunaj parencoj, samkiel ĉiĉo (onklo) estas uzata ĝenerale por pli maljunaj personoj.

— ĉiuj viroj post mi ridegas kaj montras ion ĉe mia dekstra flanko. Momente trapasis mian kapon io nebona. Mi turnas min al Baj Ganjo... Dio! kion mi vidas! Baj Ganjo sidis malvestiĝinta en ĉemizmanikoj kaj malbutonuminta sian veŝton, kiu lin premas pro la ŝtopitaj en lia zono boteletoj da rozoleo: iu el la teatroservistoj estis lin kaptinta per du fingroj ĉe la maniko kaj faras al li per la kapo tute nedusencajn signojn, ke li eliru iom eksteren; Baj Ganjo rigardas lin grandokule kaj respondas al li same per signoj „Kio do, kiun vi kredas timigi?" Nome tiu ĉi vira konduto kaŭzis la histerian ridon ĉe iu knabineto, kiu sidis malantaŭ ni, kaj tiu ĉi rido infektis la tutan teatron. Bildo!... Kaj prezentu al vi, sinjoroj, mi ekrigardas al la loĝioj, kvazaŭ iu min tiris ekrigardi tien, kaj miaj okuloj renkontiĝas — mi volus malaperi pro honto — kun la fiksitaj sur min okuloj de konata al mi germana familio, ĉe kiu mi estis tre bone akceptata, kaj en iliaj okuloj mi tralegis sinceran kompaton pri mia bedaŭrinda situacio. Kaj en tiu malespera tempo, Baj Ganjo min tiris energie ĉe la maniko:

— Nu antaŭen, ni eliru, lasu tiujn friponojn, — ili falos iufoje en miajn manojn, atendu nur!...

Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

# Vivi!

Imitajo de **Iv. H. Krestanoff**

La vivo meritas esti vivita.

Vivi! Porti en si la renovigon! Agi, senti, salteti, labori, lukti, perdiĝi en la ago kaj fari la vojon, estas la vivo.

Ĉio kio komprometas en ni la vivon devas esti forigata, kaj ni devas asociiĝi nian koron kaj nian animon al nia vivkapablo. Ni „ekzistis" tre longe, ni trenis haltigilojn, ĉenoj nin najlis sur la sama loko, ni bezonas liberon kaj aeron, vivspacon.

Ni devas esti fortaj, fortaj en nia malforto, potencaj, aktivuloj kaj fervoruloj. Nia programo estas granda, kaj nia tasko estas bela, se ni vivas.

Kiom da perditaj horoj, kiom da okazoj forglitas de ni, kiom da jaroj malŝparitaj; estas tempo agi, kaj la bezono estas granda.

La batalo meritas esti subtenata, la venko estas al la bravuloj, la triumfo estas al la vigluloj. Ni marŝu, armu nin per la laborilo kaj ne per la armilo, ni renversu la mensogon kaj protektu la veron; ni kondamnu la despoton kaj subtenu la malfortulon. Ni klinu al la malriĉulo kaj kontraŭstaru al la riĉulo.

Oni soifas vivon, kaj ĉiu havas la fonton en si.

Ni vivu, ni vivu nian tutan junecon. Ni vivu nian tutan idealon kaj nian tutan vivon kaj nian tutan noblan penson.

La interna homo renoviĝas per la vivo, kiu forglitas de li kaj portas fruktojn. La koro rejuniĝas etendiĝante. La animo leviĝas elirante el sia sanktejo.

Vivu kaj kantu la vivon, estu semantoj de privivaj pensoj, de vivantaj agoj, de novaj energioj, de malavaraj saltoj, de valorplenaj fortoj. Lernu ankaŭ doni, ne nur preni.

Morta estas la egoisto kaj la avarulo, morta kaj duoble morta tiu, kiu ne donas sian vivon por savi la bonon, la belon, la idealon.

La malbono estas tre vivanta, kaj la bono estas mortanta; al ni apartenas alporti la elementojn de vivo universala por ĝin savi de la ŝiprompo, al ni, la Esperantistoj.

Do ni esperu, sed ... ni laboru!

# La Semisto

de **Victor Hugo**

Sidante ĉe pordego mi
En krepuska tiu horo,
Admiras reston de heleco
Super lasta la laboro.

Min ravas kun la ĉifonvestoj
Tra la kampa ombrobano,
Maljunulo kiu ĵetas
L' estontan grenon je plenmano.

Li staras sur profundaj sulkoj,
Nigra formo altprofila.
Mi sentas kiom tiu kredas
Al de l' tagoj kur' utila.

Tra vasta ebenaĵo iras
Kaj venas li semanta for,
Kaj ree ĉerpas nun. — Mi sonĝas,
Vidanto nur sen ia glor',

Dum l' ombro kun konfuza bruo,
De l' nokto malfaldanta feston,
Larĝigi ŝajnas ĝis la steloj
De l' Semisto reĝan geston.

Trad.: *L. Charles Baudouin.*

# *Al niaj legantoj*

*En la monato decembro finiĝas la pli multaj abonoj al nia gazeto. Ni insiste petas la personojn, kies abono estas finita, ke, por faciligi nian administran laboron, ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ repagi la abonon por 1919, sendante al ni la sumon da 5 Frankoj (svisa valoro) por ordinara eldono aŭ 6. 25 Frankoj (svisa valoro) por luksa eldono.*

*Malgraŭ la granda plikariĝo de la paper- kaj preskostoj ni ĝis nun ne plialtigis la abonprezon, sed ni kompense rajtas postuli de niaj abonantoj, ke ili pagu 5 Frankojn laŭ la* **svisa** *valoro, kaj ne kalkulu laŭ la antaŭmilitaj naciaj valoroj.*

*Pro la militcirkonstancoj nia gazeto ne povas eniri en ĉiujn landojn; la mobilizo aliparte forprenis de ni multajn el la antaŭaj abonantoj. Estas do tiom pli necese, ke la nunaj abonantoj restu al ni fidelaj, kaj per sia akurata repago permesu al ni rigardi al la estonto kun espero.*

*Dum tiu ĉi jaro ni penis pliriĉigi la tekston de nia gazeto, kaj multaj atestoj montras, ke niaj legantoj scias juste taksi nian penadon por fari el „Esperanto" interesan organon. En la proksima jaro ni daŭrigos iri sur la vojo al novaj plibonigoj. Tuj kiam la ĝeneralaj kondiĉoj estos pli favoraj al la disvastiĝo de nia gazeto, kaj la leĝaj limigoj pri la konsumo de la papero malpli severaj ol nun, ni pligrandigos la nombron de la paĝoj, tiel ke ni povu dediĉi pli da spaco al la ekzameno de la postmilitaj problemoj kaj al la studo de la demandoj rilataj al la estonto de la Esperanto-movado.*

# Esperanto en Britaj Lernejoj

La plej fruktodona propagando de Esperanto estas tiu inter la infanoj. La loko por tiu propagando estas la lernejo. Por okazigi propagandan kunvenon por plenaĝuloj oni devas lui ĉambregon, reklami en gazetoj, bati tamburon. Se cent personoj kolektiĝas por aŭskulti al niaj paroladoj, ni estas kontentaj, kaj kiam el la cent ĉeestantoj dek personoj promesas lerni la lingvon kaj aliĝi al nia grupo, ni ĝojiĝas. Post unu jaro eble el la dek restas unu. La aliaj ŝatas la lingvon, sed pro manko de tempo kaj aliaj kaŭzoj ili defalas. Foje ni kaptas entuziasmulon, kiu dediĉas tempon kaj monon al nia afero kaj fariĝas apostolo de la lingvo, sed tiuj entuziasmuloj estas maloftaj. Aliflanke, kiam oni instruas Esperanton al infanoj en lernejo, oni ne instruas al dek personoj, kiuj volas lerni nur kiam plaĉas al ili, sed oni instruas al eble kvardek aŭ kvindek hometoj, kiuj *devas* lerni la lingvon kiel taskon.

Kiam infano eklernas Esperanton, ĝi unue pensas, ke ĝi estas tasko samspeca kia aliaj taskoj, sed baldaŭ ĝi trovas, ke ĉi tiu estas io tute alia. Nenio pli plaĉas al infano ol la kapablo paroli per lingvo alia ol la patrinlingvo. En ĉiuj lernejoj la emo ĉe infanoj fabriki vortojn por ordinaraj objektoj estas bone konata. Jen ili trovas en Esperanto rimedon por fabriki milojn da vortoj. Esperanto do fariĝas speco de ludo. El ĉiuj lecionoj ĝi estas la plej ŝatata. Post kelkaj semajnoj ili akiras la kapablon babiladi kun siaj kamaradoj per dua lingvo, ili povas legi leterojn kaj poŝtkartojn ricevitajn el ĉiuj partoj de la mondo, ili povas legi literaturon kaj gazetojn el aliaj landoj, ili akiras intiman konon pri homoj kaj lokoj, kiuj ĝis nun estis nur nomoj al ili, efektive ili baldaŭ ektrovas, ke Esperanto malfermis por ili la pordojn de nova, vasta, bela mondo, kies mirindaĵojn ili ambicias esplori. Ili parolas en la hejmoj, en la ludejoj, en la stratoj, pri la ŝlosilo, kiu malkaŝis al ili tiom da ĝojo kaj miro, kaj jen la parencoj, kaj la konatuloj ankaŭ interesiĝas pri la lingvo, kiun infanoj lernas tra la tuta mondo, kaj iom eklernas ĝin por si mem.

Sed kiel enirigi Esperanton en la lernejojn? Pro la jam tro plena programo, eĉ simpatia instruisto diros, ke estas tute neeble trovi tempon por la novaĵo en la lernejo, sed „kie estas volo, tie estas vojo", kaj instruisto, kiu forte decidiĝas instrui Esperanton al siaj lernantoj, iel trovos la tempon. Jam prosperis al instruistoj en kelkaj lokoj trovi oportunan okazon por la instruado de Esperanto kiel parto de la ordinara programo de ilia lernejo, kaj jen ili trovis en ĝi mirindan edukilon. La sperto, kiun ili akiris, ebligis al ili liveri faktojn al la edukista mondo, kiuj havos gravan influon por la tempo, kiam Esperanto estos universale instruata al la infanaro de la mondo.

Dum kelkaj monatoj gravaj eksperimentoj okazis en lernejoj en Britujo, kiuj malfermis la vojon por vasta alpreno de Esperanto en la programoj de lernejoj. La movado komenciĝis en 1906, kiam Profesoro J. E. B. Mayor, eminenta latinisto, eldiris la opinion en Cambridge, ĉe la tria kongreso de Esperanto, ke infanoj devos lerni Esperanton antaŭ ol studi francan, latinan, germanan kaj grekan lingvojn. Post kelkaj jaroj D-ro A. E. Scougal, fama edukisto, ĉefinspektoro de lernejoj en Skotlando, subtenis la opinion de Prof. Mayor kaj rekomendis Esperanton kiel la solan lingvon lernindan de infanoj elirontaj el la lernejo je la aĝo de 14 jaroj. Li ankaŭ diris, ke pro pure edukaj motivoj, li mem instruus Esperanton al siaj lernantoj kiel preparon por la studado de aliaj lingvoj, antikvaj aŭ modernaj. Ĝis 1916 estis en neoficialaj kursoj de Esperanto en kelkaj britaj lernejoj, sed en tiu jaro komenciĝis la fama „Eccles Eksperimento", kiu estis la unua oficiala grandskala provo instrui Esperanton al infanoj en Britujo. Tiu eksperimento estis rezulto de propagando de la Eccles'aj Esperantistoj ĉe la tiea Eduka Komitato. La Komitato elektis Green Lane Council School, Patricroft, kiel la lokon por la eksperimento, kaj tuj oni komencis instrui la lingvon al proksimume 200 infanoj. La eksperimento estis granda sukceso, kaj Esperanto estas nun definitive ero en la programo de tiu lernejo. La faktoj troviĝas en la broŝureto „The Modern Humanity", kiu estis disvastigata po 20,000 ekzempleroj al instruistoj en Britujo. Tiu broŝureto estas tradukita en francan kaj hispanan lingvojn, kaj disvastigita tra la tuta mondo.

En la *„Esperanto Monthly"* por aŭgusto troviĝas raportoj pri la oficialaj kursoj dum la nuna jaro en *Green Lane School, Patricroft, Holycroft Boys' Council School* kaj *Eastwood Girls' Council School, Keighley, Northcote Girls' School, Armley, Leeds* kaj *Donaldson's Hospital, Edinburgh.* En ĉiuj lernejoj la lernantoj faras tre kontentigan progreson, kaj ĉiuj instruistoj raportas pri la pliboniĝado de la scio de la gramatiko de la *angla* lingvo ĉe la lernantoj de Esperanto. La ĉefinstruisto de *Holycroft School* ŝatas Esperanton por la instruo de kantado pro ĝiaj malfermaj vokaloj. En *Eastwood School* 180 knabinoj desegnas kaj pentras bildojn en siaj kajeroj kun Esperanta teksto. La knabinoj en *Northcote School* publike prezentis la teatraĵeton „Cindrulino" en Esperanto. La instruisto ŝatas Esperanton pro la helpo, kiun ĝi donas al la lernado de la franca lingvo. La gazeto ankaŭ sciigas, ke la Brita *Board of Education* donacis la sumon da £50 al la estraro de *Bishop Auckland County School for Girls* por eksperimenta kurso en Esperanto, kaj la estraro reklamis en edukistaj gazetoj por instruistino, al kiu ĝi proponis komencan jarsalajron da £115.

Oni atendas, ke dum la venonta vintro Esperanto estos enkondukata en kelkajn aliajn taglernejojn.

En *Rochdale, Manchester* kaj *Liverpool* estas kursoj por instruistoj. En *Edinburgh* kaj *Leith* la ĉefinstruistoj de kvar komercaj lernejoj permesis al la Esperantistaj propagandistoj viziti ĉiujn kursojn kaj paroladi mallonge al la kursanoj pri Esperanto kaj disdoni ŝlosilojn, por interesigi ilin pri la aŭtunaj Esperantaj kursoj. Tiaj kursoj okazos en vesperaj lernejoj en *Balham, Camberwell, Hammersmith, Edinburgh* (4 kursoj), *Glasgow* (5 kursoj), *Goran, Rutherglen, Leith, Liverpool* kaj *Manchester.*

Por atentigi la edukistaron pri la valoro de Esperanto kiel edukilo la propaganda komitato de B. E. A. starigis specialan kason por reklamado en edukistaj gazetoj. Per malgrandaj sumoj oni jam kolektis kaj elspezis £50, dank'al kiu oni reklamis Esperanton en *The Teacher's World, The Schoolmaster, The Journal of Education, Times Educational Supplement* kaj *Scottish Educational Journal.* El tiuj reklamoj rezultis multaj postuloj de instruistoj por informoj kaj lernolibroj ĉe B. E. A. Oni havis tiom da sukceso, ke la komitato provas enkasigi pluajn £50 por aliaj reklamoj. Reklamante oni atentas pri la grava Raporto de la Registara Komitato pri Modernaj Lingvoj, pri kiu oni aludis en la lasta N-ro de „Esperanto". Tiu raporto konvinkis multe da instruistoj, ke Esperanto meritas seriozan konsideradon.

En la Ekspozicio de Edukaj Lernolibroj, k. t. p., kiu okazas en Edinburgh ĉiujare dum la Konferencoj de la Skota Edukista Asocio, oni starigis dum kelkaj jaroj budon por elmontri Esperantajn lernolibrojn. Ĉiam oni havas bonan vendadon de libroj, kaj multe da instruistoj ricevas informojn pri la lingvo.

Tiamaniere vekiĝas intereso pri Esperanto en Britujo ĉe la lernejoj, kaj per persista reklamado kaj atentigado oni esperas doni al la lingvo tian fortan puŝon, ke ĝi akiros tiom da interna movoforto, ke nenio povos haltigi ĝian progreson.

*W. M. Page* (Edinburgh).

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Arad:* En festo aranĝita de la Unuiĝo por infan-protekto partoprenis ankaŭ Esp-istoj en Esp. tendo bele ornamita. — *Budapest:* Sur la Margaret-insulo estas aranĝita militekspozicio, kiun partoprenas la Hungara Esp. Unuiĝo. Specialan atenton faras bonege provizita Esp. ŝranko. La reaperinta „Hungara Esperantisto" certe sukcesos baldaŭ koncentrigi la disrompitajn fortojn. La Fremdula Kancelario uzas Esp., donante en ĝi ĉiujn deziratajn informojn pri loĝado, vojaĝado k. t. p. (adr.: Budapest VI, Harisbazar 1). S-ro Balkanyi senlace aranĝas paroladojn, kaj la gazetoj ofte raportas pri nia movado. En la ĉefaj stacidomoj oni vidas Esp. stelojn kaj afiŝojn kun hung. kaj Esp. tekstoj. S-ro Balkanyi faris paroladon pri la graveco de Esp. en la komerca interkomuniko kun eksterlando. Resumoj estis eldonataj de la firmo Kokai Lajos sur apartaj folioj kaj disvastigataj je 5000 ekz. Du artikoloj pri la sama temo aperis en diversaj gazetoj. S-ro Elek Tolnai paroladis, kaj kelkaj gazetoj favore raportis. En la Esp. Unuiĝo S-ro Heinrich Geiger komencis kurson kun 21 partoprenantoj. La garantia kapitalo por hungara Esp. propagando estas pli ol 1200 kronoj kaj por „Hung. Esp." pli ol 1000 kronoj. — *Červený Kostelec:* F-ino Šupichová faris du paroladojn: pri Esp. literaturo kaj pri Esp. en la milito. — *Franzendorf:* Oni kunvenas ĉiudusemajne. S-ino Fürth el Dresden rakontis pri siaj spertoj dum diversaj vojaĝoj per Esp. — *Hodolany:* S-ro L. Berger intencas aranĝi novan adresaron de korespondantoj kaj plezure akceptos adresojn. Li finis bonsukcese la du kursojn. — *Karlsbad:* Okazis la unua Esp. kunveno, kiun partoprenis 10 personoj, interalie S-ro D-ro Aleks. Giesswein, kiu restadas tie pro kuraco. En loka gazeto aperis propaganda artikolo. Oni intencas fondi grupon kaj aranĝi kurson. — *Kraków:* La vivo de Societo „Esperanto" nuntempe estas vigla, kio estas ŝuldata grandparte al la „Esp. Voĉo" kaj al la loka gazetaro, ekz. „Krakauer Zeitung". En nacia hebrea gazeto S-ro L. Dreher jam dufoje publikigis kronikon pri Esp. — *Moravany* (apud Pardubice): Ĉi tien translokiĝis la instituto Bohema Esp. Servo. — *Novosady:* Ĉe la de S-ro Kudela aranĝita Esp. ekspozicio, kiu vekis rimarkindan intereson, S-ro Berger faris klarigan priparolon. Al kurso aliĝis jam kelkaj personoj. — *Oderfurt:* La juna klubo tre vigle laboras kaj ĝojige prosperas. Okazis festeto, paroladoj de S-ro Steinhauer kaj S-ro R. v. Lidl, kaj ekskurso. La kursoj gvidataj de S-ino Wolf, F-ino Censor kaj S-ro Bräuer tre bone progresis. — *Praha:* La Fraŭlina Esp. Rondeto aranĝis literaturan vespereton, kie paroladis F-ino J. Šupichová. Ŝia moŝto S-ino Springerová donacis al la Rondeto 100 kronojn. — *Repĉin:* S-ro L. Berger aranĝis novan kurson por monaĥinoj. Inter la 11 partoprenantinoj estas ankaŭ la direktorino de la instruistina instituto. — *Szeged:* La ĉiutagaj gazetoj afable raportis pri la reviviĝinta „Hung. Esperantisto". — *Wien:* Okazis tre kontentiga kunveno kun riĉenhava programo, kie S-ro Glück entuziasmige paroladis pri Esperantismo, kolonelo Zwach voĉlegis siajn poetajn versaĵojn k. a. En la Sankt-Josefs-Knabenheim la kurso estas nun gvidata de S-ro Prof. R. Kaftan.

## Britujo.

*Blandford:* S-ro Wottrich el Magdeburg propagandas Esp. en la kaptitejo. — *Bromley:* La vagadekskurso kaj koncerteto sufiĉe sukcesis. — *Burnley:* Okazis ĝardenfesteto ĉe la domo de Ges-roj Taylor. — *Glasgow:* En la foiro de Britaj Industrioj, dank' al S-ro Cedric White, la Esp-istoj havas bonegan budon kaj disdonas ĉiutage multajn propagandilojn. Grandaj afiŝoj atentigas la vizitantojn al la valoro de Esp. por internaciaj komercaj rilatoj. — *Insulo Jersey:* S-ro W. Gieseler fervore agas per varbado kaj instruado. — *London:* La B. E. A. Literatura kaj Debata Societo starigis Tradukan Rondon por fari tradukojn de famaj anglaj verkoj. — *Newcastle-up-Tyne:* Fondiĝis Esp. Societo, kiu intencas vigle disvastigi nian lingvon en la regiono. La sekr. estas S-ro W. A. Murgatroyd, 82, Helmsley road. — *Insulo Man:* S-ro D-ro Brunner finis kurson en la militkaptitejo kaj petas pri Esperantaĵoj.

## Francujo.

*Paris:* S-ino Ferter-Cense gvidas kurson ĉe la socialista junularo de la 15ª kvartalaro; 17 lernantoj. — *Poitiers:* S-ro Alles, el Düsseldorf, instruas kelkajn kamaradojn en la militkaptitejo. — *St-Armand-les-Eaux:* Ĉefserĝento G. Strössner, el München, komencis kurson kun 16 kaptitoj.

## Germanujo.

*Aue:* La filio de la Dresdena Esp. Unuiĝo aranĝis ĝeneralan kunsidon partoprenitan ankaŭ de samideanoj el Chemnitz kaj Dresden. Prezidis kaj paroladis S-ro Engst. — *Berlin:* Okazis bone vizititaj kunvenoj. S-ro Sprotte daŭrigis siajn interesajn raportojn pri sia restado en Araba lando. — *Beuthen:* S-ro W. Knopf instruas Esp. al 5 kamaradoj en la militejo. — *Breslau:* La granda foiro uzis Esp. La gvidantoj aranĝis Esp. informejon kaj eldonis ilustritan gvidlibron tra Breslau. — *Chemnitz:* Okazis multe partoprenita ekskurso. S-ro Arnhold faris tre interesan paroladon pri la grafika prezentado de la logika konstruo de nia lingvo. — *Dessau:* Ĉe la firmo Junkers & Ko. komenciĝis kurso kun 42 partoprenantoj, gvidata de S-ro Mangelsdorf. — *Dresden:* La Orienta kaj Suda grupoj kunvenas regule. Amuza kunveno kaj ekskurso bele sukcesis. La kunvenoj de UEA okazintaj en julio kaj aŭgusto estis duoble pli multe vizitataj. S-ro Kurt Böhme transdonis salutojn de rusaj samideanoj. Grupo „Progreso" komencis kurson pagatan kaj daŭrontan duonjaron. Ĉe lasta kunveno de UEA S-ro J. Karsch paroladis „Pri belo kaj paco en milito". — *Frauenstein:* S-ro suboficiro A. Sohrmann faris varbparoladon, kiun ĉeestis interalie la urbestro kaj rektoro. Nun li gvidas kurson kun 14 personoj. — *Gera:* En la jarfina kunveno oni decidis prepari la 14ªⁿ kurson. — *Glogau:* Interesaj Esp. interparoladoj partoprenataj ankaŭ de soldatoj okazas en „Evangelisches Vereinshaus". Kurso por komencantoj estas vizitata de 11 personoj, inter kiuj 6 soldatoj. — *Godesberg:* Okazis ekskurso por festi la 11ªⁿ datrevenon de la grupa fondiĝo. Nova kurso estas gvidota de F-ino A. Harprath kaj S-ro Th. Oster. — *Lübeck:* Okazis jara ĉefkunveno kaj fondiĝis nova grupo. Raportis S-roj Möbusz kaj Böbs. — *Plauen:* S-ro Otto instruas proksimume 110 lernantojn de la 3ª burĝa lernejo. — *Regensburg:* La membra nombro de la Esp. Lega Rondo estis en junio 131. — *Siegburg:* S-ro Kurt Haefeker gvidas vintran kurson per korespondo. La loka „Kreisblatt" publikigis artikolon pri Esp. — *Stuttgart:* La lasta kurso por komencantoj estas finita, kaj progresiga kurso kun 10 partoprenantoj, inter kiuj 2 aviadistoj, komenciĝas sub gvidado de Prof. Christaller. — *Weissenfels:* La stenograf-unuiĝo „Geflügelte Feder" (sistemo Gabelsberger) anoncas Esp. kurson sub gvidado de S-ro Stucke, el Leipzig.

## Litovujo

*Bialystok:* Okazis en salono de la komerca lernejo publika parolado de S-ro redaktoro H. Zimmermann, el Lodz.

## Nederlando.

*Amersford:* F-ino E. Weggeman-Guldemont parolis antaŭ kursanoj de internacia lernejo por filozofio, akcentante la praktikan kaj idealan valoron de nia lingvo. — *Amsterdam:* En la semajna gazeto „Morgenrood" aperas Esp. kurso. Ĝi tre favoras nian ideon inter la liber-socialistaj laboristaj rondoj. — *Hago:* Inter la diversaj temoj de la tagordo de la kongreso de belgaj geinstruistoj kaj profesoroj de la belgaj lernejoj fonditaj en Nederlando pro la milito, troviĝis la demando pri la instruado de helplingvo. Bela kolekto

de Esp. libroj estis elmontrata en la kunvenejo de l' kongreso kaj faris grandan impreson. — *Utrecht:* Okaze de la kunveno de la Belga Ligo de Kristanaj Geinstruistoj, S-ro A. J. Witterijck, prez. de la Belga Esp. Ligo, paroladis.

## Polujo.

*Konin:* S-ro Feliks Hiller, el Lodz, okazigis kunsidon, faris paroladon kaj komencis kurson, kiun nun gvidas S-ro Beatus. Dank' al mondonacoj de S-ro Neumann kaj aliaj novevarbitoj, oni povis destini 50 M. por fondo de biblioteko. — *Lodz:* La movado vigliĝis dank' al la senlacaj propagandistoj S-roj Oskar Bermann kaj H. Zimmermann. Tiu ĉi redaktas tre bonan kaj vastan Esp. rubrikon en „Neue Lodzer Zeitung". La Esp. Societo aranĝis feston, kiu estis pro sia brila aranĝo bonega propagando. Por tiu ĉi festo estis eldonata pole kaj germane redaktita unutaga gazeto „Naprzód-Vorwärts" kun propagandaj artikoloj.

## Rumanujo.

*Bukarest:* Tieaj germanaj samideanoj, S-roj Hezel, Dressler kaj Ostermann, helpitaj de la rumanaj M. Simion kaj A. Rosenfeld, sukcesis aranĝi regulajn kunvenojn. Tiamaniere oni multe propagandas, kaj espereble la tiea movado reviviĝos.

## Svedujo.

*Gefle:* Okazis kunveno de la grupoj de Gefle, Storvik, Kungsgarden, Sandviken kaj Hornas por diskuti la proponon fondi distriktan federon. Estis diskutita ankaŭ la demando aranĝi kurson por popollernejaj infanoj kaj peti monan apogon de la instruaj aŭtoritatoj por tio. — *Stockholm:* La „Stockholms Dagblad" enhavis dukolonan artikolon pri Esp. de S-ro P. Nylén.

## Svisujo.

La 6 oktobro okazis en *Olten* la jarkunveno de la Centra Komitato de Svisa Esp. Societo sub la prezido de F-ino E. Chenevard. La lastjara protokolo kaj la librotenado estis akceptitaj. Dum la pasinta jaro la komitato havis la okazon helpi al la propagando de germanaj internigitoj, kaj ĝi dissendis al 15 francaj internigejoj propagandilojn diversajn. La komitato decidis fondi asocion de akademianoj por disvastigi Esp. en tiuj rondoj. Poste estis legitaj raportoj pri rajtigitaj delegitoj kaj pri ĉefgrupo. La komitato decidis prezenti raporton en „Svisa Espero" pri tiuj diversaj temoj, kaj ilin submeti al voĉdono de la grupoj. La antaŭan vesperon oni aŭdis interesan paroladon pri la bulgara popolo, lingvo kaj literaturo, faritan de S-ro Krestanoff. La tri lokaj gazetoj tre favore raportis. — *Bellinzona:* Nova grupo fondiĝis. Oni esperas baldaŭ fondi federon de la tiĉinaj grupoj (itallingva Svisujo). — *Zürich:* Okazis publika duhora parolado en Esp. de S-ro I. Krestanoff pri „Bulgarujo kaj ĝia popolo". Montrinte plej senpartie la naturbelaĵojn kaj modernan organizon de sia lando, la parolinto pledis por Balkana federo kiel plej racia solvo de la dorna Balkana problemo. S-ro Jost propagandis ĉe la teknikistoj. Pro rapida disvastiĝo de la gripo oni devas bedaŭrinde prokrasti la kursojn.

## Ukraino.

*Ĥarkovo:* La Esp-istoj tre diligente kaj fervore laboras. Okazis Esp. ekspozicio. Oni gvidas kelkajn kursojn, preparas Esp. almanakon kaj laboras je vortaro Ukraina-Esp. — *Ĵitomir:* Sub gvidado de S-ro J. Kaminski jam la dua kurso finiĝis. Oni esperas fondi novan, vivpovan kernon. La societo eldonis gramatiketon kaj esperas baldaŭ pliriĉigi sian bibliotekon.

## Ĥinujo.

*Shanghai:* Post longa dormado la „Voĉo de l' Popolo" denove aperas. Ĉiuj progresemuloj estas petataj sendi por ĝi informojn pri la socia movado en ĉiuj landoj k. t. p. (adr.: Pekon, U. S. P. O., Box 913).

## Siberio.

*Berezovka:* Ĉefleŭtenanto Ninger, el Krakovo, kun bona sukceso gvidis kelkajn kursojn, subtenita de rusaj samideanoj.

## Turkestano.

*Taŝkent:* S-ro N. Rudnicki, Del., organizis kursojn por poŝtoficistoj.

## Aŭstralio.

*Mont Albert* (Victoria): Fondiĝis grupo, kies prez. estas nia energia samideanino F-ino E. Alleyne Sinotte (aŭtorino de le bela originala rakonto Lilio) kaj sekr. J. Mc Claverty (44, Windsor-crescent, Surrey Hills, Melbourne).

## Nov-Zelando.

En la lasta kunsido de la Publika Serva Asocio estis decidite enskribi Esp. en la ekzamenoj de la kandidatoj.

---

# TRA LA GAZETARO

.·. *„Amerika Esperantisto"* (majo). Grava rekono de Esp. (angle). — La meksika revolucio, interesa artikolo de E. Guerra. — Literaturaĵoj. — En la junia N-ro: Alvoko pri la Esp. kongreso en Green Acre. — Traduko de fama inaŭgura parolado de Abraham Lincoln en 1865. — Literaturaĵo. kaj diversaj artikoletoj.

.·. *„British Esperantist"* (septembro). Skolta Esperantista Ligo. — Kroniko. — Libraro kaj gazetaro. — † Clarence Bicknell. — Hic est domus Dei et janna coeli, belega, verŝajne lasta, poeziaĵo de nia bedaŭrata samideano Clarence Bicknell. — Bravulino (represo el „Japana Esperantisto"), k. t. p.

.·. *„Esperanto Monthly"* (septembro). La ligo de nacioj kaj Esp. (angle) de W. M. Page. — Modelo de Interkonsento por Ligo de Nacioj. — Nunaj demandoj, de J. T. Holmes. — Ekzercoj de Aplikado de la U. V., de H. M. Scott. — † Clarence Bicknell. — Poeziaĵoj. — La prepozicioj „da" (angle). — Ĉiu Esp-isto devas fariĝi reformisto de la elparolado de la angla lingvo, de C. Harpur. — Kurso, ekzercoj, anoncoj.

.·. *„La Espero"* (septembro). Sveda artikolo pri Esp. kaj la angla registaro. — Britaj opinioj pri Zamenhof (svede). — Niaj perdoj. — Poemoj de † Clarence Bicknel. — Kroniko. — Libroj kaj gazetoj. — Literaturaĵoj.

.·. *„Germana Esperantisto"* (aŭgusto-septembro). — Eldono A: Babiladoj de bonhumora Zamenhofano, de Joŝo; humorplene estas priskribata la malago, la kritikemo, protestemo kaj ... amindumado de la samideanaro en Esp. kunvenoj. — Niaj pioniroj en kaptitejo, de tiu artikolo de rusa militkaptito A. K. videbliĝas, kiel granda estas nia movado kaj la sopiro lerni Esp. inter la militkaptitoj, kaj ilia ĉagreno ne trovante lernolibron. Entute dum lia trijara estado en H. lernis nian lingvon ĉ. 200 rusoj. La plimultaj estas propagandemaj; la nombro estus pli granda, se ili havus sufiĉe de lernolibroj. — Esp. kaj antikvaj literoj. — Kroniko, k. t. p. — Eldono B: Literaturaĵoj diversaj, poeziaĵoj. — El vivo kaj scienco. — Lingvaj demandoj, k. t. p. — La oktobra N-ro enhavas en eldono A: Babilado de bonhumora Zamenhofano (daŭrigo). — El militkaptitejoj kaj internigitejoj. — La Skandinava Kongreso. — Kroniko, k. t. p.

.·. *„Holanda Pioniro"* (septembro). La poŝta ĉek- kaj ĝiroservo (daŭrigo). — Nederland-Esperanto, holande, pri la sub tiu nomo nove aperinta gazeteto, de J. L. Bruijn. — Lingva fako, pri la prepozicioj. — Enlanda kroniko.

.·. *„Le Monde Esperantiste"* (julio-aŭgusto). — La malutiluloj (france) de Trabor, kontraŭ la pedantoj scienculoj kaj kreantoj de projektoj de novaj lingvoj. — Mokantoj! ... (france), de A. Frechas, kontraŭ la skeptika gazetaro. — Eĥoj (france). — Literaturaĵoj, k. t. p.

.·. *„La Progreso"* (septembro). Publika letero, dulingva, en kiu oni pledas por enkonduko de Esp. en la lernejojn, ĉar nur ĝi alportos egalrajton al la nacioj." — Felietono: La ĉokolado, de D-ro St. Schulhof. — Naciismo kaj internaciismo, de D-ro St. Kamaryt. Literaturaĵoj. — Kroniko, k. t. p.

.·. *„La Teknika Revuo"* (septembro-oktobro). La formika popolo, de Prof. A. Forel. — Vojaĝo al pinto de Monto-Blanka en 1787, de H. B. de Saussure. — Internaciaj Asocioj: Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj organizaĵo de la Internacia Centro. — Teknikaj Vortaroj: Projekto de Fundamento por la teknika lingvo, de Antido. — Diverslanda Kroniko, de I. H. K.

Novaj gazetoj lastatempe aperintaj:

.·. *„Nederland-Esperanto"* (N-ro 1, 3 oktobro 1918). Organo por la disvastigo de la helplingvo Esperanto en Nederlando, aperanta ĉiujaŭde. 4 paĝoj, formato: 16×25 cm. Redaktejo kaj adadministrejo: J. L. Bruijn, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage. Ponumera kosto 5 cent. La gazeteto estas grandparte en holanda lingvo kaj destinita al la propagando de nia lingvo. Bonan sukceson!

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Enketo pri la postmilita agado.** — Ni represas ĉisube la tekston de cirkulero ĵus sendita al la estraroj de la naciaj Esp. societoj, kies precizan adreson ni konis. Se kelkaj societoj ĝin eble ne ricevis, ni tamen petas ilin respondi, senkulpigante nin, ke pro la poŝtaj malfacilaĵoj ni ne povis ilin rekte atingi:

Post kvar jaroj de terura mondmilito la politikaj cirkonstancoj rajtigas nin nun esperi, ke dum 1919 estos konkludata la paco. Kia ĝi estos, kaj kiaj sekvoj naciaj, sociaj kaj ekonomiaj elkreskos el la nova mondaranĝo, tion neniu klare antaŭvidas. Tamen estas certe, ke por la ŝtatoj kiel por la privataj entreprenoj multo dependos de ilia lerteco, ĝustatempe rekoni la plej urĝajn bezonojn, trovi la taŭgajn rimedojn kaj saĝe kunligi la novajn vivkondiĉojn al la antaŭaj.

La Esperantistaro atendas de la paco gravan plifortigon de la movado. Multaj, bedaŭrinde ne ĉiuj, samideanoj revenos; malaperos almenaŭ parto de la zorgoj kaŭzitaj de la milito, kaj leviĝos la baroj ĉiuspecaj, kiuj tiel malfaciligis kunveni kaj korespondi. De tiuj cirkonstancoj ankaŭ nia Asocio profitos, sed ĝi estas en speciala situacio, kaj pro tio ĝi petas vian konsilon.

La celo de Universala Esperanto-Asocio estas plifaciligi la rilatojn inter la homoj, per la Zamenhofa helplingvo, kaj kreskigi inter ili ligilon de solidareco. Kiel ni jam skribis en *„Esperanto"*, ni estas fieraj pri tiu principo de paca kunlaboro de diverslandaj bonvolulоj kaj ne foriros de ĝi. En la praktiko nia Centra Oficejo sin adaptas al la cirkonstancoj, kaj ankaŭ post la milito ne ĝeneraligos aferojn, kiujn pro naciaj kaŭzoj oni pritraktos pli bone kun la anoj de ĉiu stato laŭ iliaj intencoj. Dum la milito ni sukcesis regule eldonigi nian oficialan organon kaj restis en rilatoj kun samideanoj el la plej diversaj landoj. Kiom da malfacilaĵoj devis esti venkataj, kiom el zorge ŝparita mono estis oferata, pri tio ni eble raportos pli poste. Por la momento sufiĉu la fakto, ke malsimile al preskaŭ ĉiuj aliaj internaciaj oficejoj, la nia eltenis la kvarjaran elproviĝon. Obstine kaj sukcese defendinte la konstantecon de la internacia Esperantismo, UEA rajtas esperi, ke ĝi gajnis la konfidon de la samideanoj kaj dank' al ĝi taŭgos kiel bazo por rekonstrui la komunajn aranĝojn.

Kvankam programo por postmilitaj laboroj ne povas esti jam detale fiksata, ni deziras nun preni kontakton kun vi, la naciaj societoj, por ke la komuna laboro estu sagace organizata laŭ la principo de minimuma forto por maksimuma efiko. La tasko rekonkeri la mondon al la Zamenhofaj ideoj estas tiel granda, la perdoj de membroj kaj rimedoj estas tiel senteblaj, ke kunigo de la klopodoj fariĝis necesa. Nedube estas, ke ankaŭ dum la antaŭa pactempo ni estus pli bone progresintaj sen diversaj malpraktikaj aŭ nenecesaj aranĝoj kun la longaj disputoj pri ili.

Kiel unuan taskon de nia Centra Oficejo ni konsideras varbi Delegitojn en ĉiuj gravaj lokoj; per ili ni klopodos reveki la intereson por la internacieco de la movado, kaj, se la cirkonstancoj permesos, ni eldonos jarlibron por 1920. Rilate al la servoj estos studata la delikata problemo, kiujn servojn oni rajtos postuli de la Delegitoj, kaj en kia amplekso. Nesaĝe ja estus fermi la okulojn antaŭ la bedaŭrinda fakto, ke la teruraj okazintaĵoj grave influos la antaŭan servemon. Estos la rolo de UEA prudente kunligi la rilatojn, helpante tie kie bezono montriĝas kaj sin detenante de eksperimentoj trofruaj.

Ni ankaŭ atentigas al la decidoj de la dek-unua Universala Kongreso, kiu petis UEA: „Kunvoki post la milito la dek-duan kongreson en neŭtrala lando" — kaj: „Sendi al ĉiuj konataj societoj de Esperantistoj informpetojn pri la stato de la movado en iliaj lokoj, kun la celo, plifaciligi per tiuj kolektitaj informoj la restarigon de amikaj rilatoj post la milito." Interŝanĝo de opinioj pri tiuj petoj akceptitaj de la Komitato de UEA estos utila, kvankam ilia efektiviĝo ne estos ebla antaŭ kelka tempo. Dependos de la cirkonstancoj, ĉu tiu kongreso, aŭ pli verŝajne laborkunveno, povos okazi dum 1920, ĉu unu tute internacia kongreso estos tiam organizebla aŭ ĉu estos pli prudente pritraktigi la samajn traktotaĵojn en du sinsekvaj partaj kongresoj. Koncerne la duan supre cititan deziresprimon ni atentigas, ke ni sendis al la naciaj societoj informpetojn pri la stato de la movado jam dum vintro 1916 kaj publikigis la rezultatojn en la jara raporto 1917. Al ĉiuj grupoj ni denove skribos post la rehejmigo de la soldatoj, kiam refunkcios la normala vivado.

Krom tio multaj aferoj estus entreprenindaj; ni citu nur: la plivastigo de la Jarlibro de UEA per informoj ĝenerale utilaj; la organizo de lingvaj laboroj, kiel teknikaj kaj komercaj vortaroj por la ĉiutaga vivo; faciligoj por aĉeti fremdlandajn esperantajn librojn; informoj pri komercaj demandoj; interrilatigo de komercaj entreprenoj; ĝenerala propagando per livero de statistik- kaj kartmaterialo; ellaboro de propagandiloj ĝeneralaj aŭ laŭfakaj, internacie uzeblaj; aranĝo de komunaj klopodoj por diverslanda instruado de Esperanto al infanoj kaj junuloj, kiel preparo por la enkonduko de nia lingvo en la lernejojn k. t. p. Neutile estus nun provi entreprenojn, kiuj superas nian influon, kiel. ekz. la sugesto, ke la estonta packontrakto estu redaktata en Esperanto, aŭ ke ĉiuj ŝtataj dokumentoj estu Esperante tradukataj, k. t. p. Fine ni atentigas, ke niaj financaj rimedoj estas en inversa proporcio al nia laboremo. Tiel longe kiel la alrevata riĉa bonfaranto ne montriĝos, ni devos rifuzi ĉiujn proponojn ne efektivigeblajn per modestaj sumoj.

La ĉefa malfacilaĵo de starigota laborprogramo estas esplori la tendencojn pli malpli internaciemajn en la diversaj landoj, por ke ni povu ĝuste elekti la taskojn tuj post la milito entreprenindajn. Ni do petas, ke via Komitato

bonvolu nin informi pri siaj opinioj, respondante al la jena demandaro:

*1. Laboroj de UEA*

*a) Servoj.* Kiuj el la servoj de UEA ŝajnas al vi la plej utilaj ĝis nun? (Informoj turismaj, komercaj, perado de leteroj, k. t. p.)

Kiuj el tiuj servoj ŝajnas al vi la plej urĝe restarigotaj post la milito?

Ĉu vi havas sugestojn pri tiuj servoj, speciale pri la komerca?

*b) Jarlibro.* Kiel la Jarlibro devus esti aranĝata por plej multe utili al ĉiuj Esperantistoj, speciale ankaŭ al la naciaj societoj?

Ĉu, se la nombro de niaj membroj ne sufiĉus por senriske publikigi Jarlibron, ekz. por 1920, via societo estus preta sin interesi je ĝia eldonado?

*2. Internaciaj rilatoj*

*a)* Kion vi faris kaj kion vi konsilas fari por instigi la Esperantistojn al praktika internacia uzo de nia lingvo?

*b)* Kiel oni povus interesigi la Esperantistojn al internacia korespondado kaj al la legado de Esperantaj gazetoj kaj libroj?

*c)* Kiel la rilatoj inter UEA, la naciaj societoj kaj la aliaj Esperantistaj institucioj povus esti plej praktike aranĝataj, sen perdo de laboro kaj sen komplikajoj?

*d)* Ĉu vi deziras, ke novaj laboroj aŭ organizaj preparoj estu entreprenataj de aŭ per UEA? (Nome aferoj de ĝenerala utilo, prizorgotaj internacie kaj el neŭtrala lando.)

*3. Ĝeneralajoj*

*a)* Kiaj prilingvaj laboroj ŝajnas al vi plej urĝaj, kaj kiel vi konsilas plenumi ilin?

*b)* Kion vi proponas por favori la instruadon de Esperanto al junuloj kaj la laŭgradan enkondukon de nia lingvo en la lernejojn? Kiaj estas, rilate al tio, la perspektivoj en via lando?

*c)* Pri kiuj flankoj (idea, pacema, pedagogia, komerca, k. t. p.) de Esperantismo oni post la milito povos plej bone interesigi la publikon al nia movado?

* * *

Ni estus tre dankaj, se ĉiu nacia societo bonvolus rekomendite sendi sian oficialan respondon, en Esperanta, aŭ se necese en angla, franca, germana aŭ itala lingvo, al la C. O. de UEA ĝis la 31 decembro 1918. Dezirinde estus, ke tiu ĉi cirkulero aŭ resumo de ĝi kun la demandaro aperu en la oficiala organo de via societo, tiel ke interesuloj povu komuniki al via komitato sian opinion.

Detala raporto pri tiu enketo estos sendata al vi kaj publikigata en 1919.

Ni esperas, ke, konsiderante la gravecon de baldaŭa repreno de la internaciaj rilatoj, vi bonvolos ĝustatempe respondi al nia demandaro. Dankante vin antaŭe, ni sendas al vi niajn samideanajn salutojn.

La Direktoro: *H. Hodler.* La Vicdirektoro: *Ed. Stettler.*

**Donacoj.** — De post la 1 aŭgusto 1918 la jenaj donacoj estis danke ricevitaj de la C. O. de UEA (ni notis nur la donacojn de pli ol 1 Fr.):

Scheurer (Lyss, Svis.), Fr. 25.15; Harrison Hill (London), Fr. 4; F-inoj E. M. kaj F. M. Bartholomew (Letchworth, Angl.), Fr. 50; R. W. Powell (New York), Fr. 5; H. Ettelson (New York), Fr. 15; E. Müller (Del., Zürich), Fr. 10. Sume: Fr. 109.15.

Al ĉiuj donacintoj ni sendas korajn dankojn.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 30 septembro estis enkasigitaj 1690 kotizaĵoj (el kiuj 137 subtenantoj). Krom tio estas 163 dumvivaj membroj. Sume: 1853. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 51.

(En la lasta N-ro enŝoviĝis preseraro: la nombro de la kotizaĵoj enkasigitaj ĝis la 31 aŭgusto estas *1542*, ne 1342.)

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 271 | 152 |

*Tuta sumo:* 423. (Antaŭa monato: 372.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Naŭa listo:*

128. W. Fieldsend (Sheffield). — 129. S. Greaves (Sheffield). — 130. M. Deas (Beauford West, Sud-Afriko). — 131. A. Mann (Edinburgh). — 132. E. Muthschall (Berlin). — 133. E. v. d. Laarschot (Bussum, Nederlando). — 134. F-ino K. Krasting (Riga). — 135. A. Krasting (Riga). — 136. A. Selten (Breslau). — 137. O. Ollendorf (Breslau). — 138. S. Freund (Breslau). — 139. S-ino L. Freund (Breslau).

**Nova Delegito.**

*Hirschberg* (Germanujo, Schlesien). — D.: F-ino Gertrud Voigt Schildauerstr. 29.

**Adresŝanĝo.**

*Gland* (Svisujo, Vaud). — D.: S-ro Th. Audisio, villa „La Falaise". Provizore ne plu estas Delegito en: *Maryfield* (Kanado).

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj Firmino kaj Antonietta *Isella* en Lugano (Svis.) naskiĝis filino Eleonora.

Al Ges-roj *F. W. Hipsley*, Liverpool, naskiĝis filino Hulda Louise.

Al Ges-roj *K. M. Kolobaŝkin*, el Selo Zomigori, de Orlovskoj gub. (Rus.), naskiĝis filo.

**Edziĝoj.** — S-ro *Hector Hodler*, Direktoro de UEA, kun F-ino *Emilie Ruch*, el Ĝenevo.

S-ro *Henri Dubuisson*, Del. en Graville-St-Honorine (Seine-Inf., Franc.), kun F-ino *Marie Patin*.

S-ro *Ismael Gomes Braga* kun *Maria Rolle Braga*, el Saude (Brazil.).

S-ro *Alessandro Benicchio*, el Massagno, kun F-ino *Fausta Morandi*, el Lugano (Svis.).

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*

# Lingvaj Studoj

## Vortaro

16. *Trajno (vagonaro)*

En la ĉefaj lingvoj ekzistas mallonga esprimo por tio, kion Esp. nomas *vagonaro*. (A. *train*, F. *train*, G. *Zug*, H. *tren*, I. *treno*.) Ĉu ne konvenus rilate al tio imiti la naciajn lingvojn kaj elekti por tiu ofte uzata vorto malpli pezan esprimon ol nia *vagonaro*? En nia lingvo ekzistas la radiko *tren-i* kun la senco posttiri; laŭ la derivreguloj de Esp., treno = rezulto de l' ago *tren'*, kaj sekve ne povas esti uzata por „*vagonaro*". Se oni aliparte elektus kiel patrovorton *treno*, la verbo *treni* ne plu povus esti logike uzata kun sia ĝisnuna senco. (Ekz. ĉevaloj *trenas* ĉaron, robo havas *trenaĵon*, tute sen bezono de „vagonaro"). Sendependa radiko estas do preferinda, ĉar pli logika. Proponinda estas *trajno*, kiu memorigas al la angla kaj franca ortografioj. El *trajno* la jenaj vortoj estus devenigeblaj: *trajnejo*, *trajnisto*, *trajnestro*, *trajnego*, *entrajnigi*, *eltrajnigi*, *trajnveturi*, k. a., kiuj estas pli koncizaj ol la vortoj devenigeblaj el *vagonaro*.

## Novaj vortoj proponitaj en „Teknika Revuo"

En N-ro 2a de T. R. aperas nova listo de neoficialigitaj vortoj. Jam ofte uzitaj aŭ internacie konataj estas:

*aĝio*, *akcidento*, *arĥivo*, *arterio*, *bibliografo*, *bloko*, *emocii*, *empirika*, *enciklopedo*, *entomologo*, *filmo*, *fonologa*, *hemiptero*, *kinematografo*, *kokono*, *lukti*, *meridiano*, *mineralogo*, *normo*, *parazito*, *plastika*, *riveli*, *sekreci*,[1] *teritorio*, *tuno*, *vegeti*;

*eŝte* = oriente;

*linjo* = dekduona parto de colo;

*proĉedi* = agi laŭ difinita maniero. Kial tiu nova formo anstataŭ la ofte uzita *procedi*, *-o*?

*sentumo* = sento (en fizika senco);

*ŝporno* = metala pikilo fiksota al kalkanumo; uzata de rajdantoj por inciti la ĉevalon. En U. V. jam ekzistas *sprono*. La formo *ŝporno* estas do senutila;

*weste* = okcidente. (Oni proponas la teknikan literon *w*, uzatan en kelkaj vortoj internaciaj kiel *westo*, *wato* (elektra mezuro) k. t. p. Tiu litero *w* havas la saman sonon kiel *ŭ*, sed estas uzata nur antaŭ vokalo.)

Novaj sufiksoj proponitaj:

*i (o)* (sufikso teknika), scienco aŭ arto (rilata al isto aŭ al instrumento). Ekz.: *filozof'i'o*, *diplomat'i'o*, *gimnast'i'o*, *termometr'i'o*;

*ism(o)* doktrino (rilata al ulo aŭ al abstraktaĵo). Ekz.: *Mohamed'ism'o*, *materi'ism'o*, *pac'ism'o*;

*iz(i)* (sufikso teknika) provizi je, ŝmiri per. Ekz.: *deni'iz'i*.

En la sama N-ro, Antido proponas, ke oni uzu ĉefliterojn nur por la nomoj propraj, t. e. por la nomoj geografiaj, personaj aŭ personecaj, sed ne por la tagoj de la semajno, nek por la monatoj de la jaro. Tiu regulo, cetere konforma al la uzado, estas aprobinda. Aliparte, li proponas, ke oni distingu la nomon de la gento kaj la nomon de la lingvo skribante la unuan per ĉeflitero (ankaŭ en la adjektivoj) kaj la duan sen ĉeflitero. Ekz.: Franco = regnano de Francujo kaj franco = franca lingvo. Sed kiel oni distingus en interparolado, ĉu la vorto estas kun ĉefa aŭ kun ordinara litero?

[1] En la „Oficiala Aldono al U. V. oni trovas „*sekrecio*". La formo *secreci*, *-o*, ŝajnas al ni preferinda ol *secrecio*, *-ii*.

# Niaj Mortintoj

## H. F. Höveler (Ĉefeĉ)

Kun terura rapideco sin sekvas la mortoj en nia paca armeo. Post A. Vermandel, post Clarence Bicknell, post tiom da aliaj fervoraj samideanoj, nun venis la vico de nia ŝatata kaj sindonema propagandisto H. F. Höveler, de ĉiuj Esperantistoj konata sub la pseŭdonimo Ĉefeĉ, kiu lastan monaton mortis en Londono.

S-ro H. F. Höveler naskiĝis en Popenburg (provinco Hannover, Germanujo) la 3 februaro 1859. Plenuminte sukcese siajn studojn en Singen, li venis Londonon en la jaro 1878 kaj enloĝiĝis en tiu urbo. En la Londona Universitato li sin dediĉis al ĥemiaj kaj metalurgiaj studoj. Poste li fariĝis posedanto de kelkaj gravaj industriaj firmaoj.

Al Esperanto S-ro Höveler aliĝis en la momento, kiam ĝi ekdisvastiĝis en Britujo. Li tuj fariĝis fervora propagandisto de nia lingvo kaj dediĉis multe da tempo kaj mono al ĝia antaŭenpuŝo. Oni ŝuldas al li la eldonon de la malgrandaj Esperanto-gvidiloj konataj sub la nomo „Ĉefeĉaj ŝlosiloj", kiuj prezentis la esencon de nia lingvo kaj de ĝia vortaro en malgrandformata kaj maldika broŝuro, akirebla je tre malalta prezo kaj sekve facile disdonebla po grandaj kvantoj. Tiuj „ŝlosiloj" estis presitaj en dek-kvar diversaj lingvoj po milionoj da ekzempleroj, kaj per tio S-ro Höveler certe helpis multe la propagandon de nia lingvo, precipe en la landoj, kie ankoraŭ mankis lernolibroj kaj bonaj propagandiloj. Estis tempo kaj espereble baldaŭ ree estos tempo — kiam ĉiu propagandisto havis en siaj poŝoj provizon de la oportunaj „ŝlosiloj" por disdono al amikoj, al kunvojaĝantoj, ĉie kie estas la okazo por varbado.

S-ro Höveler ankaŭ fondis la „Internacian Propagandejon Esperantistan" kaj la „Esperantistan Ĉekbankon", kies servojn uzis multaj samideanoj.

Li vigle interesiĝis pri lingvaj demandoj kaj funde konis Esperanton. Li estis elektita membro de la Lingva Komitato kaj poste de la Esperantista Akademio. Oni ŝuldas al li multajn verkojn kaj artikolojn pri gramatikaj kaj lingvaj demandoj. Inter ili estas: Pri la elparolado de la vokaloj en Esperanto (1906). — Ĉu internacia monunuo kaj pagilo estas efektivigebla, kaj kiamaniere la Ĉekbanko Esp. povas utili al ĝia enkonduko? (1908). — La signifo kaj la uzo de prepozicioj en Esperanto (1910). — La elementoj kaj la vortfarado, gramatiko kaj sintakso en Esperanto (1911). — Pluaj argumentoj por pruvi, ke la teorio „la radikoj en Esp. havas gramatikan karakteron" kontraŭstaras la intencojn de la Fundamento (1912). — La fina argumento en la disputo pri la karaktereco de la radikoj en Esperanto (1913).

El tiu skizo vidiĝas, ke S-ro Höveler faris multajn servojn al nia movado kaj, en diversaj rilatoj, nelacigeble laboris por ĝia progresigo. La Esperantistaro danke enskribos sian nomon en la vico de siaj plej sindonemaj kaj meritplenaj pioniroj.

* * *

**Juan Gil**, el Palma de Mallorca (Hispan.) membro N-ro 9636.

**Ernst Hübscher**, el Regensburg (German.).

**Otto König**, fervora propagandisto kaj Del. UEA en Zittau (German.).

**Rudolf Kracht**, el Münster (German.), membro N-ro 2692. Li estis fervora kaj talenta samideano, kiu kelkfoje nin ĝojigis per bonaj, sentplenaj versaĵoj. Li laboris nelacigeble por la prospero de nia lingvo, kiun li multe amis. Longa, grava malsano lin forprenis, sed li vivas en la koro de multaj samideanoj kaj per siaj multaj poemoj kaj verketoj.

**F-ino Meta Voigt**, el Hirschberg (German.).

**S-ino Olga Lindow,** lerta kaj fervora dana Esp-istino, kiu antaŭ dek jaroj konatiĝis kun nia lingvo. Ŝi apartenis al la aktivaj batalantoj, ĉiam preta oferi sian helpon, kie oni bezonis ĝin. Dum multaj jaroj ŝi sidis en la reprezentantaro de Centra Dana Esp. Ligo. Tre agema ŝi estis dum la aranĝo de diversaj danaj Esp. kunvenoj, kaj kvankam tre okupata de la zorgo pri sia hejmo, S-ino L. tamen ĉiam trovis tempon por viziti la kunvenojn kaj partopreni en la ekskursoj de la kluboj.

* * *

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Holst,** sekretario de la Esp. grupo en Wilhelmshaven-Rüstingen (German.) kaj fondinto de la marista grupo.

**Reichel,** el Elberfeld (German.), fervora membro de la tiea Esp. Unuiĝo.

# Alvokoj

## Esperanto kaj arĥitekturistoj

En *„Esperanto“* de januaro 1917, ni informis niajn legantojn pri la starigo de internacia arĥitektura konkurso por la starigo de aŭstralia parlamentejo. Esperanta programo de la konkurso estis tiam eldonita de la aŭstralia registaro. Ni estis oficiale informitaj, ke la konkurso estas prokrastita ĝis post la milito. Ni ankoraŭ posedas kelkajn programojn pri la kondiĉoj de la konkurso, esperanta eldono, kiujn ni volonte sendos al la interesuloj. Oni bonvolu sin turni al la C. O. de UEA, aldonante unu respondkuponon.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Figuerola, 120, Muntaner, pral., PI, L (kun membroj de UEA).

GENÈVE (Svisujo). — S-ro J. Pfanner, 52, Bd St-Georges, PI, L (kun pliprogresintaj samideanoj).

HAAG (Nederlando). — S-ro A. Nieuwkoop, leŭtenanto, Intern. groep, PM.

HAAG (Nederlando). — S-ro G. Peers, belga suboficiro, Intern. groep, PM, PK.

HAARLEM (Nederlando). — S-ro G. Seubring, Leidschestraat 113, PK, PI, L (pri anarĥismo, socialismo kaj sindikatismo, kun ĉiuj landoj).

LYSS (Svisujo). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekster-eŭropanoj).

MAC KEESPORT (Usono, Pa.). — S-ro R. Sundvall, 416, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

SANTA FÉ (Argentino). — S-ro Carmelo Lignori, 201, Belgrano, norte, PM (speciale kun svisa kolektanto).

TIBRO (Svedujo). — S-ro Hjalmar Carlsson, Gårdhem, PI (kun ĉiuj landoj).

TRONDHJEM (Norvegujo). — S-ro J. O. Naalsund, 4, Baahus gate, PM.

VENLO (Nederlando). — S-ro P. Pijpers, Stalberg 132, PI, PK, PM (kun ĉiuj landoj), PM bfl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ADRESŜANĜO. — S-ro W. H. de Jonge, serĝento, 12 R. I., 3 III, informas siajn korespondantojn, ke li nun loĝas: Marwixstr. 24, Groningen (Nederlando).

JUNA nordgermana instruistino dezirus trovi laboron eksterlande en la kamparo, ne malproksime de granda urbo, dum duon- aŭ tutan jaron. Pastro Heydorn, Hamburg 35.

THE ESPERANTO MONTHLY, 218, Brunstfield place, Edinburgh, organo de la lernejoj, en kiuj oni instruas Esperanton al infanoj, senpage presigos nomojn de instruistoj ĉiulandaj, kiuj deziras korespondantojn por siaj lernantoj.

SAMIDEANOJ EN USONO, HELPU! — La frato de S-ino Martha Baum, naskita Mucke, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en Worcester (Mass.), 61, Piedmont Str., ĝis majo 1916, poste en Naugatuck (Conn.), 613, High Str. Oni skribu al la C. O. de UEA.

SUD-AFRIKAJ ESPERANTISTOJ, HELPU! — La patrino de Max Rohleder, maŝinisto, internigito N-ro 1439, en Tanga, German-Orienta Afriko, deziras informojn de aŭ pri ŝia filo. Oni skribu al C. O. de UEA.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO